2a JARO MARTO 1910 5a NUMERO (17)

# BELGA ESPERANTISTO

 MONATA REVUO 

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando | Fr. 4.— (Sm. 1.60) | |
| Eksterlando | Fr. 5.— (Sm. 2.—) | |
| Unu numero | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) | |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Esperanto kaj la lingvoj de malvastaj landoj

Dum la malferma kunsido de la Dresdena kongreso mi havis la honoron reprezenti la esperantistojn de la flandra parto de Belgujo.

En mia mallonga parolado mi montris, kiom ni, Flandranoj, amas nian naskiĝan teron, la flandran vivadon, la flandran arton kaj speciale la flandran lingvon, esprimon de nia originaleco.

Mi vokis la atenton sur la ĉiam kreskantan alfluon de la grandaj lingvoj kaj sur la danĝeron, minacantan tiujn de la malgrandaj popoloj. Mi salutis, kiel ilian savantan genion, Esperanton, la helpan lingvon, unu kaj saman por ĉiuj, kiu forigos la superregadon de kelkaj potencaj lingvoj kaj ebligos al la malgrandaj popoloj sin dediĉi, kore kaj anime, al sia kara gepatra idiomo.

Diversaj oratoroj parolis samsence, inter aliaj mia eminenta amiko, S-ro Patrick Parker, kun kiu mi jam havis la honoron konatiĝi en Kembriĝo, kie ni longe priparolis la staton de la irlanda kaj de la flandra lingvo, respektive subpremataj de la angla kaj de la franca.

En Dresdeno ni denove interpritraktis la saman temon kaj ni opiniis pri la ebleco, kunigi dum la Barcelona kongreso samideanojn el niaj ambaŭ landoj, el Finlando, Bohemujo, Polujo, Katalunujo kaj aliaj regionoj, kie ekzistas simila situacio. Je tiu okazo oni starigus internacian ligon, kiu efike povus favori la klopodojn de niaj samsortanoj. La anoj de tiu ligo povus interŝanĝi multvalorajn sciigojn, komuniki inter si dokumentojn kaj konigi kiamaniere estas gvidata en sia lando la batalado por la akiro de la naturaj lingvaj rajtoj.

Ni, Flandranoj, povus sciigi pri nia « flandra movado », kies celo estas revivigi la flandran literaturon, la flandran arton kaj plialtigi la intelektan nivelon de la flandra popolo, al kiu ĝi volas havigi la rajton esti instruata, juĝata kaj regata per sia propra lingvo. Interese estus certe por la alilandanoj ekscii ke, de la unuaj jaroj de la belga sendependeco (1830), kiam la flandra lingvo estis malŝatata kaj malkonfesata, la Flandranoj jam konstatis multajn progresojn kaj sukcesojn, dank' al la senhaltaj klopodoj de la Flamingantoj (*), kiuj ne demetos la armilojn, antaŭ ol ili estos akirintaj la plenan egalecon inter la lingvoj ekzistantaj en Belgujo.

Sammaniere la flandra loĝantaro en Belgujo sekvus kun granda intereso la lingvan movadon en aliaj landoj.

Kun mia amiko Parker mi ege deziras la starigon de internacia ligo por favori la akiron de la lingvaj rajtoj en la malvastaj landoj kaj regionoj.

Kompreneble, la agadoj de tia ligo devus esti tre pacemaj, neniel ofendemaj aŭ akre atakemaj. La liganoj devus, kiel mi diris ĉi supre, ĉefe celadi interŝanĝi reciprokajn informojn kaj klarigojn, kaj, influante sur la tutmondan publikan opinion, samtempe ili influos sur la estrarojn de la grandaj ŝtatoj.

V. d. B. - A.

## Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIa esperantisto

La prezidanto de la Madrid'a grupo esperantista vizitis la hispanan Reĝon por donaci al li la numeron de la esperantista gazeto *La Revuo*, kiun, lukse binditan, ĝia redakcio dediĉis al li, kiel Honora Prezidanto de la 5a kongreso.

Dum la interparolado, la prezidanto de la Madrid'a grupo faris mallongan raporton pri la kongreso kaj la postkongreso. La Reĝo, kiu kore aprobas nian celon, aldonis ke li lernis esperanton, kion li pruvis, per legado kaj tradukado de peco el la gazeto al li donacita, kaj ankaŭ li diris, ke estus konsilinda la lernado de Esperanto al la diplomatiistoj. Poste la prezidanto de la grupo, je l' nomo de D-ro Zamenhof, dankis la Reĝon pro la honoro, kiun li faris al nia kara Majstro nomante lin Komandoro de Elizabeto la Katolika. La Reĝo respondis, ke tio ne meritas dankon, ĉar li nur faris iom da justeco al la granda merito de la elpensinto de nia lingvo.

(Suno Hispana.)

(*) Jen la nomo donata en Belgujo al la flandramuloj, kiu defendas la rajtojn de la flandra lingvo.

# MAJA KANTO

Laŭ la germana melodio
*Wenn's Mailüfterl weht..*

Esperanta teksto de
FRANS SWAGERS




2. Printempo revenas kun nova fortec'
Sed homojn ĝojigas nur unu junec' ;
La birdoj forflugas, revenas kun bru' !
La homoj foriras,
La homoj foriras,
La homoj foriras, ( dufoje
Ne revenas plu. (

---

☛ Ĉiuj kantoj aperintaj en « Belga Esperantisto » estas aparte aĉeteblaj en la **Centra Esperantista Belga Oficejo,** ĉe O. Van Schoor, 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers).
Ĉiu ekzemplero kostas 10 centimojn.

## *Gratuloj*

« Belga Esperantisto » prezentas al Gesinjoroj **Miluta Simion,** el Bukureŝto, plej sincerajn gratulojn kaj plej korajn bondezirojn por la feliĉo de ilia novnaskita filo **Gabrielo-Esperanto.**

# Rerigardo al la jaro 1909,

de **Profesoro P. CHISTALLER, (Stuttgart).**

El **Germana Esperantisto**, N-ro de Januaro 1910.

(Daŭrigo kaj fino.)

Pri la interrilatoj estas citinde, ke 60 oficistoj de la *Sächsisch-böhmische Dampfschiffahrtsgesellschaft* (Saksa- bohema societo de vaporŝipveturado) lernis Esperanton ; en Frankfurto s/M kaj en Munĥeno ekzistis kursoj por tramvojoficistoj, ankaŭ en la holanda ĉefurbo Hago, kie la oficistoj, okaze de la naskiĝa tago de la Reĝino, ornamis tramveturilon per esperantaj emblemoj. La societo por favori la interrilatojn en la franca provinco Anjou (elp. Anĵu) eldonis en la helpa lingvo gvidlibron tra la regiono. Same en la fama glaciejo-ĝardeno en Lucerno estas havebla priskribo, en la internacia lingvo, de tiu vidindaĵo.

La **Universala Esperanto Asocio**, kiu ĉefe sin okupas pri komerco, industrio kaj interrilatoj, havis en Barcelono brilan jaran kunvenon. D-ro Zamenhof nomis ĝin « la vera efektiviĝo de la Esperantismo » ; ĝi jam kalkulas pli ol 5000 membrojn, kaj ĉiutage kreskas ĝia influo. Inter la urboj kiuj eldonis gvidilojn en monoformato ni citas : Birmingham, Bordeaux, Debreczin, Dijono, Ĝenevo, Godesbergo (kie oni starigis la « *Rejna Esperantujo* »), Louhans, Neuchâtel, Prago, Reichenhall, Roterdamo, Troyes. Multnombraj firmoj, i. a. la vojaĝa agentejo Cook & Son, aliĝis al U. E. A. kiel « Esperantiaj entreprenoj ».

Inter la novaj profesiaj societoj estas citindaj la « *Internacia Asocio de Bankistoj* » (Sidejo en Dresdeno), la *Ligo de la Diamantlaboristoj* » (Sidejo en Antverpeno *), en Germanujo la « *Esperantista Laborista Ligo* », kaj fine la de la artisto S-ro K. Schwartz starigita « *Varietea Esperantista Ligo* ». La jam de longe ekzistanta asocio de kuracistoj T. E. K. A. kalkulas pli ol 600 anojn (**). La katolikoj kunvenintaj en Barcelono decidis organizi ĉiujare internacian katolikan kongreson ; tio estos la unua tia aranĝo kie, krom Esperantujo, nia lingvo internacia estas la sola interkomprenilo.

Rilate al aliaj kongresoj estas ĝojege sciiginde, ke, krom la ĉiam pli ofte okazanta rekomendo de la helpa lingvo, jam ĉe du, Esperanto estis uzata samrajte kiel naciaj lingvoj : en Ĝenevo, ĉe la psikologa kongreso, kaj en Budapesto, ĉe la kongreso de la kuracistoj.

La internacia instituto de la Paco ricevis por sia premia konkurso tri disertaciojn en Esperanto.

(°) Tiu sciigo estas erara ; tamen multaj diamantlaboristoj aliĝis individue la esperantistan movadon. (*Noto de la traduktinto*)

°°) Tiu nombro nun jam superas 1000. (*Trad.*)

* * *

En la fako de **Arto kaj Scienco** ni ankaŭ povas konstati bonajn progresojn. Krom la aktoro Reicher (Berlino), ankaŭ lia holanda kolego Poolman (Amsterdamo) varme defendis la disvastigadon de la Zamenhofa lingvo ; konataj estas ankaŭ la sukcesoj laŭ tiu senco en Barcelono. La Muzika Akademio en Valencio presigis en la helpa lingvo alvokon por la internaciaj konkursoj. En Francujo oni eldonis *Muzikan Terminaron*.

Franca kuracisto, D-ro Corret, elektis Esperanton en ĝia rilato al la medicinarto kiel temon por sia doktora tezo ; pola kuracista revuo resumas esperanten ĉiun originalan artikolon ; tiuj resumoj tiam estas eldonataj kiel speciala aldono. S-ro Foerster, sekreta konsilanto en Charlottenburg, laboras por la efektivigo de internacia nombra sistemo, laŭ la modelo de la esperanta.

Inter la plej gravaj paroladoj per Esperanto ni citu tiun de inĝeniero Backhäuser (Rio de Janeiro) en Parizo pri Brazilujo, — de Prof. D-ro Lederer el Prago en Dresdeno pri Leonardo da Vinci, — fine la klarigon pri aerverurado de S-ro Archdeacon en Parizo, dum la tiea ekspozicio pri aerveturado.

La *Meksika Scienca Asocio* ankaŭ organizis konkurson kun temo pri Esperanto. La *Amerika Scienca Kongreso* en Santiago (Ĉilujo), prenis du konkludojn por Esperanto, el kiuj unu por postuli el la Registaro de la Unuigitaj Statoj la enkondukon de Esperanto kiel ĝeneralan instruadan fakon. Ankaŭ la *Latina Amerika Kongreso de Kuracistoj* en Rio de Janeiro rekomendis la uzadon de Esperanto por internaciaj publikajoj. La universitato de Pittsburg (Usono) konsentis starigi kursojn, kondiĉe ke la tiea Esperanta societo donu profesorojn.

Novaj grupoj inter **Studentoj** estas citindaj en Berlino ; Lejpzigo kaj Munĥeno ; la libera studentaro de tiuj urboj favoras nian movadon ; ankaŭ en Prago kaj Budapesto ekzistas esperantistaj grupoj inter studentoj ; tiu de Moskvo kalkulas 120 anojn. La Humboldt-akademio en Berlino havas kurson ; en la artmetia lernejo de Moskvo ekzistas grupo kaj la direktoro de la simila instituto en Limo (Peruo) organizas duonjaran kurson en sia lernejo.

**Komercaj lernejoj** en Aŭgsburgo (la direktoro estas prezidanto de la tiea grupo), Krakau, Leeds, Prago kaj Vieno donis kursojn, la komerca muzeo en Prago organizas specialan instruadon por instruistoj.

Ke la **Instruistaro** pli kaj pli fariĝis favora, tion montras la eldono de «*Pedagogia Revuo*». La *Internacia Profesora Unuiĝo* en 21 landoj kalkulas 500 anojn. La ligo de la institutoj de Lancashire-Chesire enkondukis Esperanton kiel instruadan fakon, kaj ligo de anglaj profesoroj organizis ekzamenojn pri Esperanto. En Angers ekzistas asocio de esperantistaj instruistoj en la provinco.

Nekalkuleblaj estas ĉiuj ceteraj **Lernejoj** kie pli aŭ malpli oficiale, libere aŭ devige oni akceptis instruadon pri Esperanto; jam el Jerusalem'o kaj Nova-Zelando ni ricevis tiasencajn informojn; el Germanujo, kiu, pro sia rigida regulararo, de malproksime ne atingas la progresojn faritajn en Britujo kaj ĉefe en Francujo, estu nomataj Donauwörth, Gotha, Hanovro kaj Lubeko.

Rilate al **Asocioj inter lernantoj**, ĉe gimnazioj kaj aliaj lernejoj mezgradaj, Francujo aperas sur la unua linio kun 15 grupoj, inter ili unu grupo de lernantinoj. Eĉ en Japanujo ekzistas asocio de lernantoj esperantistaj.

En diversaj **Institutoj por Blinduloj** oni enkondukis instruadon pri Esperanto; la intereso en tiuj medioj estas tiel granda, ke ĉe la kongreso por blinduloj en Napolo, propono de profesoro el Belgujo (Frato Izidoro) por enkonduki Esperanton en la blindulejojn trovis unuaniman akcepton.

* * *

**La Publikaj estraroj** povas, speciale pro niaj kongresoj, montri sian intereson al nia movado. Tio okazis, krom eble en Rusujo, laŭ nepra bonvolema senco. Estu rememorata pri la Barcelona kongreso; ankaŭ estas citinda la partopreno de la ŝtat-kaj urb-estraro en la kongreso de Gotha. Okaze de la rumana nacia kongreso la reĝino Elizabeto (Carmen Sylva) sin montris ege favora al Esperanto kaj promesis lerni la lingvon. En Samos la revuo *Greklingva Esperantisto* estas senpage presata en la ŝtata presejo. En Meksikujo la estroj de tri ŝtatoj ordonis la abonon de la tiea « *Esperanta gazeto* » al diversaj institutoj kaj bibliotekoj. En Brazilujo la statistika oficejo publikiĝis en Esperanto memorajon; en Rio de Janeiro oni trovas en la doganaj kaj telegrafaj oficejoj afiŝojn en Esperanto. La urbestro de Wellington (Nova Zelando) estas prezidanto de la tiea esperantista societo. En Chemnitz 47 urbaj oficistoj partoprenis en kurso, pri kiu la urbestraro pagis parton de la salajro al la profesoroj.

Ankaŭ la **Policanaro** montras kreskantan intereson. Oni anoncis la ekzistadon de kursoj en Amsterdamo, Aŭgsburgo, Dresdeno kaj Galatz. En Budapesto kaj Hilversum (Holando) ekzistas grupo inter policanoj. La « Polica Klubo » en Parizo estas oficiale rajtigita. En Galatz Esperanto fariĝis deviga fako por policanoj.

En la **Milististaro** la progresoj estas iom pli malrapidaj, nur pri naŭ kursoj en francaj kazernoj kaj unu en la marista lernejo de Vladivostok la raportanto sciiĝis. Cetere la itala militista gazeto « Illustrazione militare italiana » de nun enhavas Esperanto-artikolojn el la plumo de nia sperta propagandisto Prof-ro Giambene. En la numero de 20a de Januaro li parolas pri la ĝisnunaj sukcesoj de nia lingvo ĉe la militistaroj; li

citas, krom Franc- kaj Rusujo, ankaŭ Anglujon, Belgujon, Usonon, Hispan-,Bulgar-,Sved- kaj Japanujon. Ankaŭ el Aŭstrujo oni povas citi sukcesojn, la itala militistaro estas atakata de Esperanto per la citita ĵurnalo, kaj ŝajnas ke la germana estos la last - lasta. Pli impresebla medio estas la **Ruĝa Kruco**. Kursoj estas signalitaj el Antverpeno (*), Dresdeno kaj Königsberg. Memorindaj estas la manovroj kiuj okazis en la Barcelona parko, sub la gvidado de Generalo Priou, prezidanto de la Franca Esperanto-Societo por Ruĝa Kruco.

* * *

Fine ĵetante rapidan rigardon sur niajn *Revuojn* kaj nian *Literaturon*, ni ankaŭ tie konstatas ĝogjigan pliriĉiĝon. Inter la proksimume 100 gazetoj, 25 estas eldonataj en la franclingva teritorio, inter ili 13 tute en Esperanto.

Kaj tuj poste venas la germana lingvo-teritorio kun 17 gazetoj, el kiuj 4 tute en Esperanto. Inter la plej interesaj novaperintaj estas nomindaj « *Universo* », daŭrigo de « *La bela Mondo* », « *La Duonmonata* » kaj fine la propaganda gazeto « *Rund um die Welt* » (Ĉirkaŭ la Mondo). El la angla lingvo-teritorio ni konas 12 ; eble ekzistas iaj pliaj grupaj organoj. Rimarkinde estas ke eĉ ne unu el tiuj aperas tute en Esperanto.

La aliaj lingvo- teritorioj estas Hispanujo (8+2, aldonite Meksikujo kaj la sudamerikaj Ŝtatoj) Bohemujo (2+2), Portugalujo (3), Holando, Japanujo, Hungarujo, Rumanujo, Finlando Grekujo, Italujo, Kroatujo, Norvegujo kaj Polujo (1+2) (**).

* * *

La finon de la pasinta jaro karakterizis ĝenerala, entuziasma festo tra la tuta Esperantistujo. Ĉiuloke oni solene rememoris la 50- an naskiĝan feston de nia honorata Majstro. Li ĝuu ankoraŭ multajn jarojn da benriĉa laboro, kaj post la festaro, ke la *Zamenhofa fondaĵo* restu kiel ĉiama rememoraĵo pri la memorinda tago! Ke multaj partoprenu en ĝi plej kore, tial ke la fondaĵo fariĝu beno por la homaro, ĉar ankaŭ post la triumfo de nia Esperanto sin montros novaj celoj al Esperantismo, por kiuj estos la kaŭzo oferi tempon, monon, forton kaj koron, laŭ la ekzemplo kaj la senco de l'Majstro.

---

(*) Tute ne forgesinda estas la kurso, jam de tri jaroj plej sukcesplene organizita en BERCHEM, popola antaŭurbo de Antverpeno. (*Trad.*)

(**) La raportanto verŝajne ne trovis rubrikon por enmeti nian revuon *Belga Esperantisto*, eble ĉar Belgujo estas dulingva lando. (*Trad.*)

Kun la ĝoja sento, kiun donas sukcesplena laboro, ni salutas kun nova kuraĝo kaj nova espero la novan jaron!

Vivu D-ro Zamenhof!

Vivu nia Esperanto!

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro

AMATUS

esperantigis.

---

# LA BALEARAJ INSULOJ

## Palma de Majorko

(Daŭrigo kaj fino)

Posttagmeze komenciĝis nia ekskursaro tra la insulo. Oni aljungis fortikajn ĉevalojn al oportunaj kamparaj veturiloj, en kiujn ni ensidiĝis kvarope. La societo konsistis el dekvin geesperantistoj kaj unu profanulo, inĝeniero el Baskolando, kun kiu ni konatiĝis en Barcelono, kie li loĝis en la sama hotelo kiel ni. Dum la veturado, liaj kunveturantinoj parolis kun li pri Esperanto, kaj tiel sukcesplene, ke li firme promesis dediĉi al nia movado sian tempon kaj sian fervoron.

La plej rekomendindaj ekskursoj en Majorko estas al *Valldemosa*, *Miramar*, *Deya* kaj *Soller*. Mi vizitis tiujn ravajn ejojn dum plej favora vetero kaj plej agrabla temperaturo, meze de afablaj kunvojaĝantoj, tra alridanta, plej pentrinda pejzaĝo. Unuvorte, ĉio kunagis pour plezurigi la ekskurson.

Komforta vojo nin kondukis al *Valldemosa*. Ciuflanke ni remarkis olivarbojn kaj oranĝujojn ; en la fundo de la panoramo altiĝis imponantaj rokoj. Fine ni alvenis en la urbeto, alta je 437 metroj super la marnivelo. Ĉirkaŭ ni sin montris plej fruktodonaj kampoj kun ĉiuspecaj fruktarboj. Tie kreskadas superflue la karubujo, la figarbo, la daktilujo, la vinberujo, la migdalujo, kaj ĉefe la olivarbo. Nenio pli stranga kaj kaprica ol tiu lasta. Ĉiuj trunkoj havas malsaman aspekton, unuj ŝajnas dikkorpaj malgranduloj, aliaj gigantaj monstroj. La foliaro estas palverda, kaj similas tiun de niaj salikoj.

*Valldemosa* estas rava ejo. Ĝia paroĥa preĝejo altiĝas super la domaro en kies mezo ĝi staras ; la iama Alkazaro estas nuntempe la tre vizitinda monaĥejo de la Kartusianoj. Granda ĝardeno ĉirkaŭas ĝin, kun ĉiuspecaj kreskaĵoj kaj multkoloraj kaj bonodoraj floroj. Vere, tiu ĉarma loko pensigas pri la Paradizo. La turistoj ne preterlasas viziti la turon de *San Gual*, de kie oni ĝuas belegan vidajon sur la Mezan Maron.

De *Valldemosa* al *Soller* la vidajo prezentas novajn surprizojn. La pejzaĝo estas jen sovaĝa, jen gaja. Superbelaj estas

la vidpunktoj, kaj majeste aperas al ni la blua, kvieta maro okcidente.

Jen Miramar, posedatajo de la arĥiduko Ludoviko Salvatoro de Aŭstrujo, mirinde bela restadejo, kreita de sia posedanto, kiu faris el ĝi nepriskribebla mirindaĵo. Oni povas viziti la kastelon kaj la parkon ; la bieno etendiĝas sur la tuta ĉirkaŭanta regiono ĝis la maro. La kastelo estas konstruita sur la sama loko, kie Ramon Lull kreis sian kolegion, kaj ĝi enhavas kelkajn rimarkindajn antikvajojn. La ĝardenego de Maramar posedas la tutan kreskaĵaron de Majorko. De la montplatajo de Miramar la okulo povas observi la tutan insulon kun ĝia pentrinda montaro, ĝiaj valoj kaj ebenaĵoj, riĉaj kampoj kaj vinberejoj. Ĉiuflanke nin alridas la bela, la ĉielblua maro.

Post agrabla tagmanĝo en Miramar, ni daŭrigis nian ekskurson ĝis *Soller*, industria urbeto kun 9000 loĝantoj. Oni trapasas la vilaĝeton *Deya*, kaj tre sovaĝan intermontaĵon. La urbo *Soller* troviĝas en ĉarma valo, meze de oranĝarbaroj, kaj havas havenon, je 4 kilometroj de si.

Nuntempe oni povas veturi de *Soller* ĝis *Palma* fervoje tra la montaro. Tiu veturado estas pli rapida, sed kompreneble, malpli agrabla kaj interesa.

* * *

Majorko estas reale favoritulino de la naturo. Ne nur ĝi posedas riĉajn minejojn, sed sub ĝia benata klimato ĉiuj tropikaj floroj kreskas en plena aero. Ducent dek-ok specoj da birdoj loĝas en la insulo, el kiuj cent dek-unu dum la tuta jaro. La aglo kaj la vulturo tie eljetas sian raŭkan kriadon, sed ankaŭ resonas la bela kantado de la najtingalo kiu sin kaŝas en mirta arbareto. Plie la merlo, la ruĝkolo, la alaŭdo, la hirundo, la pasero gajigas la kampojn kaj la arbarojn.

La granda okupado de la Majorkanoj estas la fiŝkaptado, kiu estas tre produktema. Inter la multspecaj fiŝoj troviĝas la flugantaj fiŝoj, kiuj saltetas sur la ondoj kaj multege alvenas sur la marbordo. Multnombraj dombestoj kaj kortbirdoj vivas en la insulo ; la ĉevalo, la azeno, la mulo, la bovo, la porko, la ŝafo, la kapro, la hundo, la kato, — la kokino, la kolombo la ansero, la meleagro. La majorka mulo tre utilas al la kamparanoj; ĝi eĉ superas la ĉevalon.

La loĝantoj de Majorko iomete similas la Maŭrajn rasojn ; la viroj estas altkreskaj, kun bruna vizaĝkoloro ; ili estas gajaj, afablaj kaj gastemaj ; la virinoj estas mezkreskaj, ankaŭ kun bruna vizaĝkoloro ; ili distingiĝas per sia eleganteco kaj afableco. La nacia vestaĵo, kiu bedaŭrinde iom post iom malaperas, estas tre pentrinda.

La majorka popolo estas sobra ; la apudeco de la maro, la korpaj ekzercoj, la laborado sur la kamparo kaj la marveturado, ĉio kunagas por ĝin farigi sana kaj fortika. La moraleco de la Majorkanoj estas ekzempla kaj imitinda.

Ĉar la insulo enhavas riĉe ĉiujn rimedojn por la vivado, estas malofte ke Majorkanoj ĝin forlasas. Antaŭ kelkaj tagoj mi tamen konatiĝis en Bruselo kun fruktvendisto el Majorko. Aŭdante ke mi vizitis lian patrujon, la bona viro estis tute emociata. — Ho! li diris, parolu al mi pri mia amata insulo! De dek jaroj mi ne plu vidis ĝin, kaj ĉiutage mi ankoraŭ pensas pri mia kara hejma lando.

La Majorkanoj havas sian propran literaturon. La tradukon de la malnova poeziaro kaj la eldonon de ĝi oni ŝuldas al la arĥiduko Ludoviko Salvatoro. La popolo havas belajn legendojn kaj tre ĉarmajn kantojn.

La danco estas granda plezuro de la loĝantaro. Plej gracie ili dancas *la Fandango, la Jota, la Bolero, la Manola*. En Palma oni ankaŭ dancas laŭ la moderna maniero. La junularo ofte organizas gimnastikajn festojn kaj turnirojn. Bedaŭrinde en Palma estas tre ŝatataj la bataloj de kokoj kaj la kurludoj de toroj...

Eklezìaj ceremonioj estas prifestataj kun granda lukso, ĉar la Majorkanoj estas tre piemaj. Oni ĉefe solenigas la Palmdimanĉon, la grandan Jaŭdon, la grandan Vendredon kaj la Feston de Dio. La tagon de la festo de la Vakskandeloj (2an de Febr.) la urba konsilantaro ĉeestas la Diservon kaj disdonas vakskandelojn kaj ĉiuspecajn donacojn al la popolamaso.

La kastiljana lingvo estas deviga en la insulo, sed la popola idiomo estas la majorka, kiu similas la katalunan. Esperanto trovas jam multajn adeptojn ; esperantistaj grupoj ekzistas en Palma kaj en Mahon, ĉefurbo de Menorko. Ju pli da eksterlandanoj vizitos la balearajn insulojn, des pli grava fariĝos la neceseco ellerni kaj disvastigi nian karan lingvon, tiom por la turistoj kiom por la insulanoj, kiuj nur konas sian propran idiomon kaj por kiuj estos tute ne eble, lerni la lingvojn de siaj diverslingvaj gastoj.

Mia vojaĝo al Majorko por ĉiam restos unu el la plej agrablaj rememoroj el mia vivo, kaj tien reiri, unu el mia plej fervoraj deziroj.

MARIA MOREAU.

# Zamenhof kaj la premio Nobel

Nesciantaj aŭ malbonintencaj personoj disvastigis falsajnj kaj bedaŭrindajn dirojn rilate al la petskribo sendita al la komitato Nobel pri D-ro Zamenhof.

Jen precizaj informoj pri la afero.

Dum la esperantista kongreso de Ĝenevo (1906), tri ĉekaj

grupoj prononis esprimi la deziron, postuli por D-ro Zamenhof la Nobel-premion de la Paco, ĉiujare aljuĝatan al personoj, kiuj faris grandajn servojn al la universala paco.

La ĝenerala sekretario de la kongreso, S-ro Gaston Moch, raportante pri tiu propono, rimarkigis ke la rajto por prezenti kandidatojn nur apartenas al arigoj, figurantaj sur listo, kiun li komunikis (Membroj de la norvega Nobel-komitato, de la diverslandaj parlamentoj, de la Interparlamenta Konsilantaro en Berno, de la Instituto de Internacia Leĝoscienco, de la Profesoroj de leĝoscienco, de historio kaj de filozofio, de la Universitatoj kaj de la laŭreatoj de la Nobel-premio de la Paco). Konsekvence li konkludis konsilante al la esperantistoj sin turni al tiuj diversaj organismoj por apogi la kandidatecon de D-ro Zamenhof.

Sekve de tiu informo, la anglaj esperantistoj sukcesis akiri la subskribon de 12 membroj de la Komunuma Ĉambro (House of Commons) en Londono. Tiuj ĉi en tre bone redaktita letero (publikigita en la *Yorkshire Daily Observer* de la 12a de Novembro 1906) prezentis al la Komitato Nobel la kandidatecon de nia kara Majstro.

Antaŭ nelonge, je l' fino de l' festeno por prifesti la 50an naskiĝtagon de D-ro Zamenhof, ĉiuj kunmanĝantoj aklame decidis subskribi petskribon, celantan novan proponon por aljuĝigi la Nobel-premion al la genia kreinto de Esperanto.

Tuj la Centra Oficejo sin priokupis por regularigi la demandon kaj sukcesis kunigi pli ol kvardek subskribojn de francaj parlamentanoj, senatanoj kaj deputatoj, ne kalkulante la leterojn senditajn individue de reprezentantoj de pacifistaj societoj kaj profesoroj de la Universitato.

(Laŭ « Franca Esperantisto »).

---

# ESPERANTO FACILA

## Zsss !... zsss !...

Ŝpund reiris hejmen malfrue ; Ŝpund drinkis 1) ; Spund marŝis ŝanceliĝante2).

Tiuj tri faktoj okazis ankoraŭ antaŭ tiu ĉi nokto. Sed neniam nia amiko tiom suferis pro kapdoloro kiom nun.

Kutime 3), tia kapdoloro (france : mal aux cheveux, — germane : Katzenjammer, — angle : hot coppers) vizitis lin nur la morgaŭan tagon, tiel kiel alveninte per regula rapidvagonaro 4). Nun ĝi jam sentigis sin en sia tuta terureco. Tio ne estas honesta, pensis Ŝpund.

Frostis 5). Brrr !... Liaj lipharoj enhavis porcion 6) da natura glacio. Liaj senregulaj paŝoj sonadis bruege en la silentaj stratoj.

Car jam estis la unua nokte. Jen la fromaĝvendejo, kie li loĝas. La mastrino kompreneble dormis. Time li enŝovis la

ŝlosilon en la ŝlosilingon. Kia feliĉo ! estas tiun ĉi fojon la bona ŝlosilo : Ŝpund sukcesis malfermi la pordon.

Lia kontenteco estis tiom ega, ke, trairante la butikon, li renversis turon da holandaj fromaĝeroj.

Ho ! la falo okazis preskaŭ senbrue. Sed kia mizero por rekonstrui la fromaĝan turon en la mallumo ! Pro tiu grava laboro lia kapdoloro duobliĝis. Kun cent sopiroj 7) sinceraj, li supreniris per la mallarĝa ŝtuparo. Kaj li faris al si mem la promeson (centafoje !) ke estonte li nur trinkos bieron, kiam li soifos... Malfeliĉe, Ŝpund ĉiam soifas !

Senbrue li alvenis en sia dormoĉambro. Li nur havis ankoraŭ unu deziron : bone dormi, forgesi ĉion, precipe sian kapdoloron. Do rapide li senvestigis sin, levis la litkovrilojn kaj... Ho ! bona ideo ! Li lavos sin antaŭ ol enlitiĝi. De sia studenta tempo, Ŝpund konas tiun faman rimedon kontraŭ drinkulkapdoloro. Li plenigis sian pelvon 8) per akvo, miksita kun glacio, kaj naŭfoje enigis sian malsanan dikan kapon en la tre freŝan akvon. Tiam li saltis en la liton.

Efektive, li fartis pli bone. La doloro forflugis, sed la kapo nun estis tre varma, tro varma.

Ŝpund ne povis dormi. Li pensis...

Li pensis pri sia estinteco, estanteco kaj estonteco ; li pensis pri siaj amitinoj, amatinoj kaj amotinoj.

Li komprenis ree, ke la sola solvo 9) de lia senregula vivo estas : edziĝi. Li promesis al si mem (centafoje !) tre serioze pripensi tiun gravan aferon morgaŭ matene.

Sed li vane penis dormi. Tiam li decidis kalkuli de 1 ĝis 1000 : ĉar tio ankaŭ estas bona rimedo por ekdormi.

Li ĵus alvenis ĉe la nombro 500, kiam li aŭdis strangan bruon en sia ĉambro, ian bruon kiel : zsss !... zsss !...

Kion signifis tio ? Ĉu estis la spirado 10) de iu ŝtelisto sub la lito ? — Ne, ne eble, la bruo estis tro delikata.

Zsss !.. zsss !.. Ba, pensis Ŝpund, estas dolĉe varme en mia lito, mi nun ne volas okupi min pri tia stulta brueto. Li metis sin sur la dekstran flankon, kaj, por ne plu aŭdi la bruon, li kovris la nudan orelon per la litkovriloj.

Sed la mistera brueto obstine daŭrigis kaj traboris 11) la litkovrilojn : zsss !... zsss !...

Jen Ŝpund eligis la kapon el la lito kaj buŝe blovis, kvazaŭ por forpeli 12) fremdan katon : ŝŝŝ !... ŝŝŝ !...

Efektive la bruo silentis dum unu momento. Sur la maldekstra flanko Ŝpund tiam volis dormi. Ho ! kiom li ĝuos la dormon en la varma lito !

Zsss !.. zsss !.. « Diablo ! » Ŝpund saltis el la lito, ekbruligis la lampon, kaj ekserĉis la kaŭzon de la bruo delikata sub la lito, sur kaj sub la tablo, en la ŝranko, en ĉiu angulo de la ĉambro.

Sed pro siaj dormemaj okuloj, li trovis nur teruran malvarmon.

Li do ree enlitiĝis dum la bruo daŭrigis, kaj, dank'al sia laceco, li fine ekdormis...

Kiam Ŝpund ekvekis la morgaŭan tagon, la unua bruo, kiun liaj oreloj kaptis, estis : zsss !... zsss !...

Sed nun, li ne estis plu ebria. Li forlasis la liton, metis sian pantalonon, kaj, per akutaj oreloj kaj klaraj okuloj, li serĉis.

Tiam, fine ! li ekkonis la kaŭzon de la mistera bruo. Li vidis ke la akvo en lia pelvo estas tute kovrita per glacio, kaj sur tiu glacio li trovis... du pulojn 13), kiuj glitis 14) jam dum la tuta nokto.

SKALDO.

*Klarigoj*: 1) drinki, veel drinken, boire beaucoup; — 2) ŝanceliĝante, waggelend, titubant; — 3) kutime, gewoonlijk, d'habitude; — 4) rapidvagonaro, sneltrein, train express; — 5) frosti, vriezen, geler; — 6) porcio, portie, portion; — 7) sopiroj, zuchten, soupirs; — 8) pelvo, waschkom, bassin: — 9) solvo, oplossing, solution; — 10) spirado, ademhaling, respiration; — 11) trabori, doorboren, percer; — 12) forpeli, wegjagen, pourchasser; — 13) pulo, vlooi, puce; — 14) gliti, glijden, glisser.

---

# ESPERANTO EN BRUĜO

La dua nacia esperantista kongreso, okazonta je la 15-16a de Majo, atentigas speciale pri Bruĝo, la nunjara rendevuo de la belga samideanaro.

Jam nia afabla kunlaborantino, F-no Bertha Ledène, priparolis en la Februara numero de « Belga Esperantisto » la ĉarmojn de Bruĝo la bela, la originala kaj poezia ejo, kun ĝia imponanta belfrido, — ĝiaj pentrindaj kanaloj, trafendataj de grupoj da blankaj cignoj, — ĝia kvieta, reviga lago de Amo kaj fine ĝia vasta kaj komforta haveno, de kiu Bruĝo atendas la renaskiĝon de la iama prospereco kaj riĉeco.

Ne nur ĉiuj ĉi admirindaĵoj igas la belgajn esperantistojn ami Bruĝon kaj incitos ilin ĉeesti la kongreson, sed ili scias ke Bruĝo estas ankaŭ urbo, kie la Zamenhofa lingvo, tiel kara al ilia koro, plene floradas kaj prosperadas. Ili scias ke en Bruĝo ili renkontos aron da viglaj, deciditaj kaj simpatiaj kunlaborantoj kaj ili havas la antaŭan certigon pri la afabla akcepto, kiu ilin atendas tie.

La Bruĝa grupo, kiu alprenis nian signifan nacian devizon « Unueco donas fortecon » estas la plej malnova el Belgujo. Efektive, ĝi estas fondita dum Oktobro de 1902, en epoko, kiam Esperanto en nia lando estis nur tre konfuze konata kaj tute ne organizita.

Kiel la fondintojn de la Bruĝa grupo oni devas konsideri S-ron Witteryck, la ĝisnunan prezidanton kaj S-ron leŭtnanton Lekeux, la unuan sekretarion. S-ro leŭtnanto Lekeux estis por S-ro Witteryck tre agema kunlaboranto. Bedaŭrinde, dejoraj devoj lin vokis, dum la monato Decembro 1906, en alian garnizon-

on. Lin anstataŭis, sukcesplene, S-ro Leŭtnanto Van Weyenbergh, kiu kore kaj anime sin dediĉis al la interesoj de la grupo, ĝis kiam ankaŭ pro dejoraj motivoj li devis forlasi la urbon kaj eksiĝis (Majo 1908). De tiam la ofico estas konfidita al F-ino Bertha Ledène, kiu, plej laŭdinde, plenumas la sekretarian taskon.

Dum la tuta daŭro de la ekzistado de la Bruĝa grupo, ĝiaj anoj distingiĝis per granda aktiveco, tiom pri la lernado de la lingvo, kiom pri nelacebla propagando.



S-ro Barono A. RUZETTE.
Foto : HERMANS, Bruĝo.
Laŭ desegnajo de FL. AERTS.

Potence ili influis sur la publikan opinion en sia urbo. Tiun celon ili atingis per multaj artikoloj enpresigitaj en la Bruĝaj jurnaloj, kaj ĉefe per multaj publikaj paroladoj, kiuj konigis Esperanton al la tuta Bruĝa loĝantaro. Inter tiuj estas ĉefe citindaj la paroladojn de S-ro Komandanto Lemaire (1906) kaj de S-ro Carlo Bourlet (1909), kiuj ambaŭ kunigis grandan kaj elektitan aŭdantaron. Inter la ĉeestantoj oni rimarkis la tiaman provincestron, S-ron Baronon deBéthune,kaj la nunan,S-ron Baronon A.Ruzette - van Caloen de Basseghem, kaj diversajn membrojn de la urba konsilantaro, unuvorte, la tutan Bruĝan eminentularon.

Cetere la Bruĝa grupo organizas de tempo al tempo tre sukcesantajn festojn, kiuj konservas inter ĝiaj membroj la bonan spiriton de amikeco kaj frateco.

Ĝi estas unu el la plej multnombraj de Belgujo ; ĝi abonis la ĉefajn esperantistajn jurnalojn kaj havas bibliotekon ; ĝiaj membroj korespondas kun samideanoj el ĉiuj mondpartoj.

Dum 1908 la Bruĝa grupo aliĝis al la Belga Ligo Esperantista kaj difinis kiel delegitojn S-rojn Witteryck kaj leŭtnanton Van Weyenbergh, anstataŭitan en Oktobro 1908 de F-ino Bertha Ledène.

En 1905 S-ro Witteryck, prezidanto de la grupo, ĉeestis la unuan tutmondan esperantistan kongreson en Boulogne s/M ; tri

anoj de la grupo, F-ino De Cavel, S-oj Witteryck kaj Van Weyenbergh partoprenis en tiu de Cambridge (1907). S-ro Witteryck tie vokis la atenton de la tutmondaj samideanoj sur sian urbon, kaj invitis ilin ĝin viziti. La alvoko ne estis vana, kaj de tiam multaj fremdaj esperantistoj vidiĝas en Bruĝo, kie ili estas gvidataj de komplezemaj kaj afablaj samideanoj.

Ĉiam memorinda restos la bedaŭrinda skismo, kiu senigis la belgan esperantistaron de kelkaj el siaj anoj, kiuj pretekstante plibonigi la lingvon, nur efektivigis haltigi momente la propagandon kaj naski dubon pri la sukceso de nia movado. Niaj Bruĝaj amikoj, unuanime, decidis resti fidelaj al la Zamenhofa Esperanto kaj daŭrigi sian fidon en la Lingva Komitato. Ili atestis sian lojalismon en fiera deklaracio, legita dum la ĝenerala kunveno de la Ligo, la 20an de Septembro 1908, kaj kunhelpis efike por restarigi la Ligon sur firmajn fundamentojn kaj reenigi en ĝin la internan ideon de ĝia regularo. Je tiu okazo estis rimarkinda la energio, per kiu S-ro Witteryck, prezidanto de la Bruĝa grupo, defendis la verajn interesojn de Esperanto, kaj konvinkis multajn dubulojn.

Tre notinda estas la fakto ke la Bruĝanoj sukcesis akceptigi la honoran prezidantecon de sia grupo de Lia Barono Moŝto, S-ro A. Ruzette - van Caloen deBasseghem, provincestro de la Okcidenta-Flandro, kaj la honoran vicprezidantecon de S-ro Schramme, advokato, kaj Skabeno de la Publika Instruado. Jen evidentaj pruvoj, kiuj montras, kiom alte Esperanto estas taksata en Bruĝo kaj grandvaloraj garantioj pri la fina triumfo.



Advokato J. SCHRAMME,
Skabeno de publika instruado en Bruĝo.
Foto : Ruys, Bruĝo.

* * *

La historio de Esperanto en Bruĝo tute kunmiksiĝas kun la agado de la nelacebla kaj lerta prezidanto de la tiea grupo, S-ro Witteryck.

La 7an de Oktobro 1901, legante hazarde iun francan jurnalon, li konatiĝis kun Esperanto. Tuj li petis de Pariza libristo pliajn informojn kaj mendis la bezonatajn lernolibrojn. Post nelonge li plenumis sukcesplene la ekzamenon kiel adepton de la S. F. P. E. kaj aliĝis tiun organismon. La jarlibro de 1901-

1902 enhavas lian nomon kune kun tiu de lia kunlaboranto de la unua horo, S-ro leŭtnanto Lekeux.

S-ro Witteryck konatiĝis la sekvantan jaron kun S-ro D-ro Seynave, el Kortrejko, kaj kun kelkaj tiamaj esperantistoj ; li partoprenis en la fondo de la esperantista revuo « Belga Sonorilo », kies presado li akceptis, kaj kies unua numero aperis la 15an de Septembro 1902.

De tiam S-ro Witteryck sin rimarkigis per sia senĉesa fervoro. Li verkis kaj publikigis lernolibrojn, propagandajn broŝurojn, muzikajojn, literaturajn verkojn. Li faris paroladojn en multnombraj Bruĝaj societoj, kiel *Vlaamsche Broederband*, *Willemsfonds*, *Davidsfonds*, *Sindikato pri komerco kaj industrio.*



S-ro WITTERYCK
Foto : WATTEYNE, Bruĝo.

Li ne nur parolis en sia urbo, sed li faris propagandon en Ostendo, S-ta Trudo kaj aliloke. Ĉiu parolado enigis en la esperantistajn vicojn grandan aron da adeptoj. Li organizis kursojn en diversaj kvartaloj de Bruĝo, kaj se decas citi la sindonan kunlaboron de S-roj Lekeux, Van Weyenbergh, Van Haecke kaj aliaj, oni ne povas preterlasi konstati ke S-ro Witteryck konservis por si la gravan parton de la laboro.

Je la fino de Decembro 1906, ni lin vidas instruanta tri kursojn, inter kiuj unu en angla lingvo.

Kiel verkisto kaj presisto S-ro Witteryck faris grandajn servojn al la esperantista movado. Li prizorgis la eldonon de multaj libroj pri kaj en Esperanto. Jam dum 1902 li disdonigis 5000 ekzemplerojn de flandra propaganda broŝuro, titolita : *Zegepralende oplossing van het vraagstuk der Wereldtaal.* La saman jaron li aperigis la bonegan libron *Het Esperanto in tien lessen*, laŭ la famkonata *L'Esperanto en dix leçons*. Intersekve li eldonis *Paĝoj el la flandra literaturo* (1904), de M. SEYNAEVE kaj R. VAN MELCKEBEKE, la unuan, similan verkon eldonitan en Esperanto ; *Floroj Esperantistaj*, kvin tre rekomendindajn libretojn (1903 1907) ; *Companion of the english Esperantist* (1906) ; *Blinda Rozo* (1906), de S-ino VAN MELCKEBEKE-VAN HOVE ; *Spraakleer en oefeningen van de internationale wereldtaal Esperanto*, door SEBRUYNS-VROMANT (1907); *Résumé de la grammaire Esperanto* par le Lt COL. de TROYER

(1907); *Volledige spraakleer van Esperanto* (1907); *Zakboekje van den Vlaamschen esperantist* (1908); *Ŝi ne legos ĝin*, premiitan monologon de D-ro W. VAN DER BIEST (1909); *L'Esperanto en cinq leçons* (1909) kaj *L'Esperanto pour tous* (1909).

Mi ne forgesu citi la ilustritan revuon *De Lusthof*, redaktitan kaj eldonitan de S-ro Witteryck, aperintan de 1902, kun ĉiumonata paĝo dediĉata al Esperanto.

S-ro Witteryck, kiu ne sensukcese kulturas la muzikarton, komponis tre belajn esperantistajn kantojn. Inter ili estas citindaj: *La vento, Sekreta vivado, Kion vi deziras? S-ta Nikolao, Antaŭen Bruĝanoj! La vojo* kaj *Apud la lulilo*. Oni ŝuldas ankaŭ al li belan melodion laŭ la esperantista himno *la Espero*.

Li estas (kiel dirite) prezidanto de la Bruĝa grupo, vicprezidanto de la Belga Ligo Esperantista, prezidanto de la ekzameno por la akiro de profesora kapableco kaj ano de la Lingva Komitato. De 1906 li posedas la diplomon pri profesora kapableco, aljuĝitan de la S. F. P. E.

Estis por mi reale agrabla tasko konigi per tiu artikolo la energian, indan kaj lertan samideanon, kiu tiom faris por nia movado.

De ok jaroj S-ro Witteryck servas Esperanton per sia talento, per sia koro. Lia fervoro, lia entuziasmo ĉiam restas verdaj, kiel la emblema koloro de nia standardo. Malavare li ĉiam finance apogis ĉiujn esperantistajn entreprenojn.

Li akceptu tie ĉi la publikan dankesprimon de siaj multnombraj amikoj. Granda ĝojo estos por ili renovigi tiun dankon okaze de la Bruĝa kongreso, tiu granda festo de samideana frateco, kiun ili senpacience atendas.

AMATUS.

---

# HUMORAĴOJ

## LA FRENEZULO KAJ LA ĈASISTO

La pafilon sur la ŝultro, la ĉasaĵujon sur la dorso kaj kondukante sian ĉevalon per la brido, ĉasisto haltis antaŭ la pordo de granda frenezulejo por trinkigi sian ĉevalon al la fonto.

Unu el la malsanuloj, kiu kun sia flegisto sin montris ĉe la enirejo, venis al li kaj inter ambaŭ okazis la jena interparolado.

— Vi havas belan ĉevalon, diris la frenezulo, kiom ĝi valoras?

— Ĝi kostas du mil kvincent frankoj, respondis la ĉasisto.

— Kaj kiom kostas la pafilo?

— Ne pli malmulte ol sepcent kvindek frankojn.

— Kaj viaj du hundoj?

— Ĉiu minimume ducent kvindek frankojn.
— Kaj kiun vi havas en via ĉasaĵujo?
— Unu skolopon.
— Kaj kiom estas la prezo de la skolopo?
— Nuntempe, kvin frankoj, se mi ne eraras.
— Mia kara amiko, konkludis la frenezulo, saltu plej baldaŭ sur vian ĉevalon kaj forrajdu tuj, ĉar, se nia direktoro sciiĝus, ke tie ĉi estas inteligenta homo, kiu elspezas trimil sescent kvindek frankojn por mortigi unu birdon, kiun oni povas aĉeti por kvin frankoj, li senprokraste enfermigus vin.

AMARA AMINDAĴO

Snobs tagmanĝis ĉe Bobs, kaj lia apetito tute ne estis kontentigita. Ĉe la foriro la invitinto premis la manon de sia gasto kaj diris al li plej amike:

— Nu, mia karulo, kiam vi faros al mi la plezuron, denove tagmanĝi ĉe mi?

— Ho! repondis Snobs malice, se vi volas, tuj!

CERTA MONO

*Luigantino.* — S-ro Doktoro, kiam mi fine ricevos vian jam tiom longe prokrastitan luprezon?

*Aŭtoro.* — Kara sinjorino, vi nenion perdos kaj certe estos pagata per la mono kiun mi ricevos de mia eldonisto, se tiu akceptas la romanon kiun mi ekskribos, tuj kiam mi estos trovinta taŭgan subjekton kaj la necesan inspiradon.

## NOVAJ ĴURNALOJ

Diversaj novaj esperantistaj jurnaloj aperis dum la lasta tempo.

Inter ili estas ĉefe citindaj:

**La Duonmonata**, redaktoro: KARL STEYER; eldonisto: JOHANNES HEYN, Thomasring, 6, *Leipzig*. La revuo estas alterne ilustrata, kaj enhavas artikolojn pri la vivo de la Esperantistaro sur ĉiuj kampoj de la homa spirito. Ĉiu numero enhavas (23×16) 16 paĝojn; la abonprezo estas Sm. 1.75.

**Juneco**, organa oficiala kaj ĝenerala informilo de la franca federacio de la junaj esperantistoj, (24×16) 12 paĝoj. Abonprezo: Fr. 4 = Sm. 1,60. Redaktejo kaj administrejo, 152, Boulevard Raspail, *Paris* VI.

Varme rekomendata al la esperantista junularo!

**Semo**, monata gazeto, eldonaĵo de la Barcelona societo « Paco kaj Amo », (16×12) 8 paĝoj, abonprezo: Sm. 1.— Administrejo: Strato Montseny, 67, 2°, *Barcelono*.

**Rund um die Welt**, eine Zeitschrift für Esperantisten und solche, die es werden wollen, unter steter Mitwirkung von Regierungsassessor Dr ALBERT SCHRAMM und Pr. Dr

Siegfried Lederer, (24×16) 24 paĝoj. Abonprezo : 3 Mk = Sm. 1,50 ; *Wolfenbüttel*, Heckner's Verlag.

Tiu ĉi revuo estas grandparte germanlingve redaktata ; ĝi certe faros grandajn servojn, speciale en Germanujo.

**Nederlanda Katoliko**, maandblad, officieel orgaan van den Nederlandschen R. K. Esperantistenbond « Nederlanda Katoliko » ; (21×14) 18 paĝoj. Abonprezo : Gl. 0.60 = Sm. 0.55. Cefredaktoro : J. N. J. Smulders, kuracisto en *Schijndel* ; administranto : Joh. Lüneman, Van der Neerstraat, 40, *'s Hage*.

La celo de la jurnalo estas interligi la membrojn de la societo N. K., kaj plifaciligi la esperantistan propagandon inter ili.

Sciigante sian programon al sia legantaro, nia nova kolego konkludas jene :

« Ni uzados la *Zamenhofan* Esperanton sendiskute ; ni volas esti laboremuloj, ne revemuloj. »

Al ĉiuj, tutkoran bonvenon ! Am.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen, (rue de l'Aigle, 26, Anvers)

I. **Presejo Alb. Kündig**, Ĝenevo.

René de Saussure. — *Geometrio de « Folietoj »* aŭ *Geometrio folietara* (26 × 18) 72 paĝoj. Prezo : Sm. 1.—

II. **Esperanto-oficejo** en Pleven (Bulgarujo).

Ivan Krestanof. — *Jedin ĉas esperanto*, (18 × 12) 20 paĝoj. Prezo : 25 stotinkoj = 10 sd.

Tiu libreto estas la bulgara tradukaĵo de la konata teatraĵeto *Une heure d'Esperanto*, de S-ro Cart. Ĝi estas la unua numero de la *Bulgara esperantista biblioteko*, kiu baldaŭ publikigos *Sur la vojo al internacia lingvo* de la sama aŭtoro.

Mi deziras al la B. E. B. plenan sukceson kaj gratulas tutkore S-ron Krestanof pro lia iniciativo.

III. **British Esperanto Asocion**, 133, High Holborn, London, W. C.

A.) Ad. Ŝefer. — *Tekstaro de bonkonataj britaj kantoj*, (18 × 11) 40 paĝoj. Prezo : 12 sd. = fr. 0.30.

Jen kantaro enhavanta kvindekon da kantoj laŭ konataj kaj amataj melodioj.

*Kantante ni laboru*, estas la devizo de F-ino Ŝefer. Kantu do la esperantistaro, kiu trovos riĉan provizon en la citita libreto. La uzataj melodioj estas ankaŭ ĝenerale konataj en nia lando, kiel *Home, sweet home, The last rose of summer, Robin Adair, Where are you going, my pretty maid ? God save the King*, k. c.

La prezo — 30 centimoj — estas tre malalta, kaj ĉiu esperantisto volos aĉeti la verketon.

B). A. L. STEVENSON. — *Doktoro Jekyll kaj sinjoro Hyde*, esperantigis WILLIAM MORRISON kaj WILLIAM W. MANN. — (18×14), 96 paĝoj. Prezo: 1 ŝilingo = Sm. 0.5.

Konatiĝante per Esperanto kun la alilanda literaturo, oni ankaŭ konatiĝas kun la vivmaniero, la speciala karaktero de alilandanoj, kaj jen certe unu el la plej interesaj flankoj de nia movado. Tiu ideo denove venis al mi, dum mi legis la verkon esperantigitan de S-roj Morrison kaj Mann, kiu ege ĉarmis min per sia originaleco kaj bonstileco.

La libro meritas honoran lokon en la biblioteko de ĉiu esperantisto.

IV. **J. Espasa é Hijos, editoros**, 579, Calle Cortes, Barcelona.

SANTIAGO RUSIÑOL.— *Folioj de la Vivo (Fulls de la Vida)* esperantigita de ALFONSO SABADELL. (30×12) 104 paĝoj. Prezo: 1 fr = Sm. 0.4.

S-ro Sabadell, la simpatia prezidanto de la Barcelona esperantista grupo, kun kiu multaj geesperantistoj konatiĝis dum la 5a kongreso, jen publikigas tradukon de kataluna verko. Tiele li servas, ne nur sian patrujon — propagandante la katalunan literaturon — sed ankaŭ, kaj ege, la Esperantismon, ebligante al la samideanoj la legadon de belstila kaj altidea libro, kun granda zorgo kaj talento tradukita.

Tiu ĉi libro estas serio da sendependaj ĉapitretoj kungrupigitaj en kvar arojn : printempaj folioj, someraj, aŭtunaj kaj vintraj. Admirindaj estas la sentemeco de la aŭtoro kaj la nepra originaleco de la verko, kiun oni vane provus kompari kun io simila.

« Folioj de la Vivo » estas vera pliriĉiĝo de la esperanta literaturo, kaj ĉiuj, kiuj interesiĝis je « Paĝoj el la flandra literaturo » kaj je « Pola antologio » kun granda plezuro nun konatiĝos kun ero de la kataluna libraro.

V. — **Esperanto Verlag Möller & Borel**, Lindenstrasse, 18/19, Berlin.

J. BOREL. — *Praktika frazaro, dialogoj el la ĉiutaga vivo*, (14×10) 45 paĝoj. — Prezo fr. 0.25 = Sd. 1.

Tiu libreto estas la 9a numero de la « Esperanta biblioteko internacia ». Ĝi enhavas tre bone elektitajn dialogojn pri la ĉiutagaj okazantajoj. La unua estas interparolado inter esperantisto kaj skeptikulo ; evidente, la esperantisto sukcesas konvinki sian kontraŭulon kaj varbi lin kiel novan adepton. La aliaj subjektoj estas : *Dum Vojaĝo (Alveno, En la hotelo, La manĝoj, La forvojaĝo), En restoracio, Serĉado de adreso, Ĉe la dogana oficejo, En bankoficejo, Ĉe la meblo-vendisto, Ĉe la juvelisto, Moderna loĝejo, Ĉe la telefono, Pluva tago,*

*En kunsido, Por fumantoj, Pri la karaktero, Patriotismo kaj ŝovinismo.*

Tiu listo sufiĉas por doni ideon pri la libro, kiu meritas grandan disvastiĝadon.

VI. — **H. Honig**, uitgever te Utrecht.

DREVES UITTERDIJK.— *Woordenboek Nederlandsch-Esperanto* (18×12) 255 bladzijden. — Prijs: fr. 2.50 = Sm. 1.

Ziedaar een boek, dat sedert lang met ongeduld door de nederlandschsprekende Belgen werd te gemoet gezien en dat in een dringende behoefte voorziet.

Het heeft groote verdiensten en moet in volledigheid voor geene woordenboeken in andere talen onderdoen.

De schrijver veroorloove mij evenwel op zijn werk eenige bemerkingen te maken, en wel nagenoeg dezelfde, die ik bij de verschijning van het gedeelte **Esperanto-HOLLANDSCH** (ditmaal **NEDERLANDSCH**, bravo !) reeds in het midden gebracht heb.

In België zijn vele woorden in zwang, die onberispelijk zijn, doch door onze « Hollandsche » taalbroeders niet gebruikt worden en derhalve grootendeels in het onderhavig woordenboek ontbreken. Dit is het geval met *telloor* of *teljoor* (*telero*) ; bij de meeste Vlamingen is het woord *bord* in de Hollandsche beteekenis onbekend. Wij zeggen *ajuin* (*bulbo*), niet *ui*, en *grap* voor *ui* in de beteekenis van *spritaĵo*. *Pet* (*ĉapo*) is bij ons doorgaans *klak* ; *das* (*kravato*) is *halsdoek* ; wij gebruiken slechts *das* wanneer wij *melo* bedoelen. Voor *hennep* (*kanabo*) hebben wij *kemp*, — voor *blaker* (*kandelingo*), *kandelaar*, — voor *schroef* (*ŝraŭbo*), *vijs*, — voor *eelt* (kalo), *weer*. In plaats van *lies* (*ingveno*) geldt bij ons doorgaans *eekenis*, — voor *ruien* (*plumŝanĝi*) zeggen wij liever *ruiven* en voor *venten* (*kolporti*) *leuren*. *Leuk* (*komika*) is gemeenlijk bij ons *koddig*. Van een anderen kant zijn in België teenemaal onbekend *bombarie* (*bruo*), *arren* (*glitveturi*), *schorem* (*malestiminda*), *porren* (*veki*, *inciti*, *pikadi*), *grij* (*certe*, *sendube*), *koddebeier* (*ĉasgardisto*) en meer andere, van welke men zou kunnen betwisten of zij wel echt « Nederlandsch » zijn.

Deze opmerkingen nemen weinig of niets van de waarde van Dreves Uitterdijk's woordenboek weg, en velen zouden wellicht op de aangehaalde bijzonderheden geen acht gegeven hebben. Het is te hopen, dat bij een volgende uitgave het kleine euvel vermeden worde dat ik opgeef, en ik raad den schrijver ten zeerste aan zich in 't voorkomend geval daarover met eenige « Vlaamsche » esperantisten te verstaan.

De heer Uitterdijk heeft een werk geleverd, dat hem stellig veel opzoekingen, veel arbeid en veel bezorgdheid zal berokkend hebben en dat hem waarlijk tot eer strekt. Ik wensch den wakkeren pionier van harte geluk met zijn degelijk

gewrocht en druk de rechtzinnige hoop uit, dat een ruim debiet zijne pogingen moge bekronen. AMATUS.

Pro manko de loko estas prokrastata la recenzo pri la sekvantaj libroj :

**Presa esperantista societo**, Parizo. — *Dictionnaire esperanto-français*. — D-ro CORRET. *Raporto pri la kvina kongreso*. — J. PORUKS. *La vakciniuja krono*.

**Librairie de l'Esperanto**, Paris. — E. RAMO. *Eĉ en doloro ni estu ĝojaj!* — SAM MEYER. *La Barbiro de Sevilla*.

## PROBLEMOJ (1)

1. — **Enigmo**. Jen estas ago terura de mortigo kaj de detruo. Mi certigas, ke mi neniam faris tian agadon; tamen tia, kiel vi vidos ĝin, vi konvinkiĝos, ke ĝi ne povas ekzisti sen mi. Nu! vi nur trovos ĝin, se vi rigardos ekster mi.

2. — **Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj**.— Konsonanto el la unuaj el la alfabeto.— Nomo de tiu konsonanto.— Prepozicio.— Metalo. – Malsano. – Frukto.— Elementa parto.— Nomo de konsonanto. – Vokalo.

3. —. **Anagramoj**. — Per la literoj :

1. *oegnr*, formu tri substantivojn.
2. *arak*, tri adjektivojn.
3. *olafr*, du subst. kaj unu adjektivon.

PLANTANO.

(1) Oni sendu la solvojn antaŭ la 15a de Septembro al S-ro **Fr. Schoofs** sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen (49, rue de la P[te] Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto. Oni povas ankaŭ sendi la solvojn de la antaŭe aperintaj problemoj.

En la lasta numero de la 1a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

## BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu kiel eble plej akurate informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO**. — La jurnalo « Hooger Leven », organo de la intelektaj flandraj katolikoj, publikigas en sia numero de la 5a de Februaro tre interesan artikolon titolitan « *Waarom Esperanto?* » (Kial Esperanto ?). La verkinto, S-ro Pastro G. Van Poppel, aludante la Parizan kongreson de katolikaj esperantistoj (30-an de Marto 3 an de Aprilo), valorigas la grandan intereson de Esperanto por siaj samcelanoj, kaj konkludas, ke la senpera agado de la

katolikoj devas esti *Esperanto por katolikismo*, atendante ke ĝi fariĝu *Katolikismo per Esperanto*.

Oni certigas, ke la pledado de S-ro Van Poppel naskis grandan impreson inter la legantaro de « Hooger Leven ».

**BORGERHOUT**. — La grupo « Laboro » malfermis la 19 an de Februaro superan esperantistan kurson. La instruado estas donata ĉiusabate, je la 8 1/2a vespere en la kunvenejo « La Cirkelo », ŝoseo de Turnhout, 16.

**BRUSELO**. — Sabaton, la 19an de Februaro okazis la jara ĝenerala kunveno de la Brusela grupo aliĝinta al la Poliglota klubo (Cercle polyglotte).

Pro la eksiĝo de S-ro Berger (kiu tamen restas komitatano), la grupo elektis kiel prezidanton, S-ron R. Sandron, sub-del. de U. E. A en Rochefort, kaj kiel gevicprezidantojn F-ino Maria Moreau kaj S-ro Mertens.

La grupo verkis definitivan regularon kaj alprenis oficiale la nomon « Esperantista Grupo Brusela (E. G. B.), » anstataŭ : Esperantista Pioniro.

De nun la grupanoj konvenas dufoje ĉiusemajne, la novuloj Merkrede, la aliaj membroj Sabate, ĉiufoje je la 8a vespere, akurate.

Esperantistoj ne apartenantaj al la grupo estas ĉiam bonvenaj.

La komitato de la « Cercle Polyglotte » proponinte poliglotan (multlingvan) konkurson inter ĉiuj grupoj partoprenantaj en ĝi, aljuĝis la unuan premion kaj honoran citon al « Esperanta Pioniro », kiuj ŝuldas sian sukceson al la Ĉefeĉaj ŝlosiloj kaj la diverslingvaj esperantistaj vortaroj, nova pruvo ke Esperanto povas kunhelpi al la studado de fremdaj lingvoj.

**LIEĜO**. — S ro D-ro Dupont el Beyne-Heusay paroladis Sabaton la 11an de Februaro antaŭ la membroj de la Poliglota societo. Ĉirkaŭ cent personoj ĉeestis kaj varme aplaŭdis la oratoron. S-ro Lhoest, prezidanto de la societo, dankante la parolinton, sin deklaris tute favore al nia lingvo kaj esprimis la deziron ke baldaŭ kurso pri Esperanto estu malfermata en la « Poliglota Societo ».

La Lieĝa ĵurnalo « La Meuse » tre laŭde raportas pri la bela parolado de S-ro Dupont, kiun, niaflanke, ni sincere gratulas.

— La Lieĝaj esperantistoj sukcesis vendigi 500 ekzemplerojn de la nova gramatiko de S-ro Witteryck.

— Le 15 an de Februaro nova kurso estis malfermata en la « Instituto Paumen ». Ĝi estas sekvata de 60 lernantoj. B. E. sincere gratulas la Lieĝajn esperantistojn pro tiu bela rezultato.

**OSTENDO**. — Ni sciiĝas kun granda plezuro ke en Ostendo stariĝis Esperantista Grupo.

La komitato konsistas el : S-roj Leŭtnanto R. Wittenberg, prezidanto ; Gust. D'Hondt, presisto, sekretario ; J. De Keyser, kasisto.

Tutkoran bonvenon al niaj novaj samideanoj !

**SERAING**. — En tiu grava antaŭurbo de Lieĝo, Esperanto varbis antaŭ nelonge bonegan multpromesantan adepton, S ron Advokaton Jean Jongen, kun kiu diversaj esperantistoj jam konatiĝis dum la Verviers'a kongreso. S-ro Jongen faris tre sukcesintan paroladon pri Esperanto en la « Cercle littéraire et scentifique » de la apuda urbeto Ougrée. La 2an de Marto li rekoltis grandan sukceson en la Sereza « Cercle Franklin », kie li varme defendis la Zamenhofan lingvon, kaj montris ĝian necesecon kaj belajn ecojn. Tria parolado de li eble okazos en la « Université ouvrière » kie kutime la aŭdantaro estas tre multnombra.

B. E. tutkore applaŭdas la klopodojn de S-ro Advokato Jongen kaj deziras al ili plenan sukceson.

Sabaton, la 12an de tiu ĉi monato, la membroj de la *Sereza Grupo Esperantista* prifestis intime la unuan datrevenon de l'fondo de sia societo. Tiu kunveno okazis en la saloneto de S-ro Wilmotte, prezidanto.

La sekretario faris malgrandan raporton pri la ĉefaj okazintaĵoj de la pasinta jaro kaj ĝojis pri la fakto ke S-ro Delavignette (membro de la Karloreĝa Grupo kaj fondinto de S. G. E.) ĉeestis la kunvenon.

Multnombraj monologoj kaj kantoj francaj, esperantaj aŭ esperantigitaj gajigis la tutan ĉeestantaron. Oni disiris je la 3-a matene. bedaŭrante la maloftecon de tiaj kunvenoj.

**VERVIERS**. — Grandan sukceson havis la intima karnavalbalo organizita, la 13an de Februaro, de la grupo « Verda Stelo ».

La ĉambrego, bele ornamita per esperantistaj, belgaj kaj Verviers'aj flagoj, girlandoj kaj floroj, tre ĉarmis la ĉeestantaron. La plej kora ĝojo regis dum la tuta daŭro de la festo, dum kiu oni donacis la fraŭlinojn per parfumitaj bukedoj.

Antaŭ ol disiri, oni decidis kunigi ree la 28an de Marto, por fari la unuan printempan ekskurson.

**WERBOMONT.** — Tiu ĉi vilaĝeto, kuŝanta en la pentrinda suda regiono de la provinco Lieĝo, kalkulas apenaŭ 400 loĝantojn. Tio ne malhelpas ke ĝi enhavas areton da viglaj kaj entuziasmaj esperantistoj, kie tie starigis la grupeton « Alten la Koron ! » La instruado estas donata de S-ro Baras, pensiumita instruisto.

Bonan sukceson al la Werbomont'aj samideanoj !

# Het Esperanto in den Vreemde

**DUITSCHLAND.** — De Duitsche pers heeft zich in den laatsten tijd zeer voordeelig aan onze beweging getoond. *Die Woche* (Berlijn), *Welt und Haus* (Leipzig), *Landeszeitung* (Braunschweig) behelsden artikels over Zamenhof's verjaardag en namen het portret van den Meester op; technische tijdschriften toonden eveneens een groote belangstelling, o. a. *Das Technikum* (Cöthen) ; verder zijn meldenswaard de artikelen verschenen in *Die Umschau* (Frankfurt), *Plutus* (Berlijn), *der Berliner Börsenkurier*, *Deutsche Warte* (Berlijn), *Münchener Akademischer Rundschau*, *Liegnitzer Tageblatt en Magdeburger Zeitung*.

Prof. Ostwald schreef tegen Esperanto in *Berliner Tageblatt* en *Frankfurter Zeitung*, maar ontving in het eerste blad een duchtig antwoord van Advocaat Schiff en in het tweede van Dr E. Kliemke.

— Saksen schijnt bepaald het brandpunt der esperantische beweging te wezen. Onlangs werd te Zwickau de eerste jaarvergadering der Saksische esperantische onderwijzers - vereeniging gehouden, die thans 100 leden telt. Ook de leeraars der hoogere Saksische onderwijsgestichten richtten eenen bond in, onder het voorzitterschap van Prof. Dr Göhl, bestuurder van het gymnasium te Riesa.

In Dresden werden werden twee nieuwe esperantische vereenigingen gesticht, een academische en een vrijmetselaarsbond.

Een bestendige esperantische tentoonstelling werd door de zorgen der firma Heyn ingericht in de Pragerstrasse.

In al de bijzonderste plaatsen van Duitschland werd het Zamenhof feest plechtig gevierd. Dit was het geval in Berlijn, Braunschweig, Dresden, Leipzig, Lübeck, Plauen, Aue, Breslau, Chemnitz, Colmar, Esslingen, Gera, Godesberg, Hamburg, Altona, Hanover, Königsberg, Leipzig, Oldenburg, Stettin, Weinböhla, Wiesbaden, Würzburg, Zetten, enz.

— Vele leergangen werden geopend en vele nieuwe groepen gesticht. Onder deze verdient een bijzondere mel-

# L'Esperanto à l'Étranger

**ALLEMAGNE.** — La presse allemande s'est montrée très favorable à notre cause pendant le dernier temps. *Die Woche* (Berlin), *Welt und Haus* (Leipzig), *Landeszeitung*, (Brunswick), ont publié des articles sur l'anniversaire de Zamenhof avec le portrait du Maître; des journaux techniques ont également fait preuve d'un grand intérêt, entre autres *Das Technikum* de Cöthen ; dignes d'être cités sont également les articles parus dans *Die Umschau* (Francfort,) *Plutus* (Berlin), *der Berliner Borsenkurier*, *Deutsche Warte* (Berlin), *Münchener Akademischer Rundschau*, *Liegnitzer Tageblatt et Magdeburger Zeitung*.

M. le Prof. Ostwald a combattu l'Esperanto dans le *Berliner Tageblatt* et la *Frankfurter Zeitung*, mais il s'est attiré une verte réponse dans le premier de ces journaux de M. l'avocat Schiff, et dans le second de M. le Dr E. Kliemke,

— La Saxe paraît décidément être le foyer du mouvement espérantiste. Dernièrement a eu lieu à Zwickau la première réunion de la ligue des instituteurs espérantistes saxons, qui compte déjà 100 membres. De leur côté les professeurs des établissements d'instruction supérieure ont également formé une réunion, sons la présidence de M. le prof. Dr Göhl, directeur du gymnase de Riesa.

Deux nouveaux groupements espérantistes ont été fondés à Dresde, une ligue académique et une ligue maçonnique.

Une exposition espérantiste permanente a été organisée par la firme Heyn dans la Pragerstrasse (rue de Prague).

— Dans toutes les localités importantes de l'Allemagne on a solennellement fêté l'anniversaire du Dr Zamenhof. Ceci a été le cas à Berlin, Brunswick, Dresde, Leipzig, Lubeck Plauen, Aue, Breslau, Chemnitz, Colmar, Esslingen, Gera, Godesberg, Altona, Hanôvre, Königsberg, Leipzig, Oldenbourg, Stettin, Weinböhla, Wiesbade, Würzburg. Zetten, etc.

— Un grand nombre de cours ont été ouverts et beaucoup de nouveaux groupes se sont fondés. Parmi ces der-

ding de *Germana Esperantista Grupo* te Konstantinopel.

**FRANKRIJK.** — Het congres der katholieke esperantisten, dat te Parijs binnen kort zal gehouden worden, (31 Maart- 3 April) is het eerste, waar Esperanto als middel tot het doel aangewend wordt. Het vindt ondersteuning bij geestelijke en wereldlijke dignitarissen, en ontving reeds een groot getal bijtreders. Het Februari-nummer van B. E. bevat nadere bijzonderheden over het congres, voor hetwelk men zich overigens wenden kan aan Mevr. de Barones de Ménil, Boulevard Magenta, 46, te Parijs, of tot den heer priester Richardson, St Lodewijksinstituut te Brussel.

De Fransche spoorwegmaatschappijen geven eene prijsvermindering van 50 % op de reiskaarten, die eene maand geldig zijn.

= Leergangen van Esperanto werden ingericht voor de soldaten der republikeinsche Wacht te Parijs en in openbare scholen van Bordeaux en Annecy.

— Esperanto wordt o. a. geldelijk ondersteund door de gemeentebesturen van Le Crensot, Toulouse, Condé, Armentières, Le Puy, Limoges, Saint Omer, Toulon, Beaune, Louhans, St Germain, Fontenoy s/B. Havre en vele andere steden.

— Het Zamenhoffeest werd te Parijs schitterend gevierd door een groote betooging in den schouwburg Athénée St Germain en door de groepen van Montmartre; insgelijks te Argentan, Boulogne s/M, Lyon, Condé, enz.

**DENEMARKEN.** — De algemeene vergadering der Deensche esperantisten heeft op 12 Feb. j. l. te Kopenhagen plaats gehad.

Te Horsen en te Vejle werden nieuwe groepen gesticht.

De verjaardag van Dr Zamenhof werd plechtig herdacht te Aarhus en te Kopenhagen.

**ITALIË.** — Een groote propaganda wordt bij het Italiaansche leger gemaakt. Het tijdschrift *Ilustrazione militare* van 20n Januari bevat een merkwaardig artikel over Esperanto in het Leger, geteekend kapitein Emilio Salaris. De *Bibliofilo militare* behelst een bijblad in Esperanto met propaganda- artikelen en eenen leergang van onze hulptaal. De bestuurder van dit bijblad is de hr kap. Emilio Salaris; de leergang wordt opgesteld door Mons. Luigi Giambene.

**NEDERLAND.** — De « Esperantista gazeta klubo » laat een maandelijksch «Esperanto-bulletijn» verschijnen, dat aan de dagbladpers verzonden wordt.

niers une mention spéciale revient au *Germana Esperantista Grupo* à Constantinople.

**FRANCE.** — Le congrès des catholiques français qui sera tenu sous peu à Paris (31 mars- 3 avril), est le premier, où l'Esperanto sera employé comme moyen vers le but. Il est soutenu par des dignitaires ecclésiastiques et laïcs, et beaucoup d'adhésions lui sont déjà parvenues Le numéro de février de B. E. contiont des renseignements sur ce congrès, au sujet duquel on peut du reste s'adresser a Mme la Baronne de Ménil, Boulevard Magenta, 46, à Paris, ou à M. l'abbé Richardson, Institut St Louis, Bruxelles.

Les chemins de fer français accordent un rabais de 50 % sur les tickets de voyage, qui sont valables pour un mois.

— Des cours d'Esperanto ont été ouverts pour les soldats de la Garde républicaine à Paris et dans des écoles publiques à Bordeaux et à Annecy.

— L'Esperanto est, entre autres villes, subsidié financièrement par les municipalités du Creusot, de Toulouse, Condé, Armentières, Le Puy, Limoges, Saint Omer, Toulon, Beaune, Louhans, Saint Germain, Fontenoy s/B., et Hâvre.

— L'anniversaire du Dr Zamenhof a été brillamment fêté à Paris, au théâtre de l'Athénée St Germain et par les groupes Montmartrois; de même à Argentan, Boulogne s/M, Lyon, Condé et dans de nombreuses autres villes.

**DANEMARK.** — La réunion générale des esperantistes danois a eu lieu à Copenhague, le 12 février.

De nouveaux groupes ont été fondés à Horsen et à Vejle.

L'anniversaire du Dr Zamenhof a été fêté à Aarhus et a Copenhague.

**ITALIE.** — Une grande propagande est menée dans l'armée italienne La revue *Ilustrazione militaré* du 20 janvier contient un remarquable article sur l'Esperanto dans l'armée, signé du capitaine Emilio Salaris. Le *Bibliofilo militare* donne un supplément en Esperanto avec des articles de propagande et un cours de notre langue auxiliaire. Le directeur de ce supplément est le cap. Emilio Salaris; le cours est rédigé par Mons. Luigi Giambene.

**PAYS-PAS.** — Le « Esperantista gazeta klubo » publie un «Bulletin-Esperanto» mensuel, qui est envoyé à la presse.

Hierin lezen wij, dat gedurende de maand December 1909, in Nederland 159 artikels over Esperanto verschenen in 50 verschillige dagbladen.

**POLEN.** — Ziehier, volgens *le Monde espérantiste,* hoe het Esperantofeest in Warschau gevierd werd:

« In de prachtige zaal van den « Technischen club », gevuld met talrijke uitgenoodigden, had een groot concert plaats, waarop aanwezig waren Mevr. Adela Comte Vilgocka, operazangeres, die met den grootsten bijval den esperantischen hymnus zong; — de hr voorzitter Grabovski, — de hr Godecki, orkestbestuurder der Warchau'sche opera, — de hr Mikulski, poolsch tooneelkunstenaar, — de hr. Czervinski, esperantisch dichter. Gedurende het concert ontving onze Meester eene menigte gelukwenschen uit de Poolsche gewesten, te midden van geestdriftige toejuichingen. Aan Mevr. Zamenhof werd een prachtige bloemgarve geschonken.

« Te huis ontving Dr Zamenhof duizenden telegrammen en gelukwenschen uit alle landen der wereld.

« Een uitgelezen banket vereenigde in het EngelschHotel een 60 tal dischgenooten; een ander feest werd ingericht door Mevr. Rajchmanova.

« Heildronken werden o. a. uitgesproken door de h.h. Dr Zamenhof, ingenieur Grabovski, Dr Naumann, tooneelkunstenaar Mikulski en uitgever Günter.

« Een grootsche redevoering, in Poolsche taal, werd over de esperantische gedachte uitgesproken door den befaamden opsteller van de Poolsche *Vrije Gedachte,* den hr Andres Niemojevski.

« Het feest duurde tot laat in den nacht : allen die er aan deel namen, zullen er de aangenaamste herinnering van bewaren. »

**RUMENIË.** — Door de zorgen der maatschappij « Esperanto » en de « Rumena esperantista societo » worden lessen van Esperanto gegeven in verscheidene lycea der stad Bukarest.

— Het beheer der Telegrafen heeft de toelating verleend telegrammen in Esperanto te verzenden.

— De drukkersgezellen van Bukarest hebben een esperantische maatschappij gesticht onder den naam : « la Litero ».

— Het Zamenhoffeest heeft insgelijks weerklank gevonden in Rumenië, o. a. te Bukarest, Galatz, Jassy en Marašešti.

— In Plevna werd in den boekhandel « Nadejda » een Esperanto-oficejo gesticht.

Nous lisons dans ce bulletin que pendant le mois de décembre 1909, 159 articles sur l'Esperanto ont paru dans 50 différents journaux.

**POLOGNE.** — Voici, d'après le *Monde Espérantiste,* comment l'anniversaire du Dr Zamenhof a été fêté à Versovie.

« Dans la somptueuse salle du « Club Technique » a eu lieu un concert en présence de nombreux invités, parmi lesquels on remarquait Mme Adèle Comte Vilgocka, cantatrice d'opéra, qui a chanté avec le plus grand succès notre hymne *l'Esperanto.* — M. le président Grabovski, — M. Godecki, directeur de l'orchestre de l'opéra de Varsovie, — M. Mikulski, artiste dramatique polonais, — M. Czervinski, poète espérantiste. Pendant le concert notre Maître a reçu une foule de télégrammes des provinces polonaises, au milieu des applaudissements enthousiastes. A Mme Zamenhof fut offerte une magnifique gerbe de fleurs.

« Dans sa maison M. le Dr Zamenhof reçut des milliers de télégrammes et de félicitations de tous les pays du monde.

« Un banquet exquis réunit à l'Hôtel d'Angleterre une soixantaine de convives ; une autre fête fut organisée a l'Hôtel d'Angleterre par Mme Rajchmanova.

« Des toasts furent prononcés par M. le Dr Zamenhof, M. l'ingénieur Grabovski, M. le Dr Naumann, M. Mikulski, artiste dramatique, et M. l'éditeur Günter.

« On applaudit également un discours remarquable sur l'idée espérantiste, de M. Andres Niemojevski, rédacteur de la *Libre Pensée* polonaise.

« La fête se prolongea jusque tard dans la nuit, et ceux qui y ont assisté en conserveront le plus agréable souvenir. »

**ROUMANIE.** — Par les soins de la société « Esperanto » et de la « Rumena esperantista societo » des leçons d'Esperanto sont données dans divers lycées de Bucarest.

— L'administration des Télégraphes vient de donner l'autorisation d'expédier des télégrammes en Esperanto.

— Les ouvriers typographes de Bucarest ont fondé une société espérantiste, sous le nom : « la Litero »

— L'anniversaire du Dr Zamenhof a été solennellement remémoré en Roumanie, entre autres à Bucarest, Galatz, Jassy et Marašešti.

— A Plevna la librairie « Nadejda » vient d'ouvrir un « Esperanto-Oficejo. »

**SPANJE.** — De 50e verjaardag van Dr Zamenhof werd in de bijzonderste esperantische middenpunten van Spanje gevierd, o. a. te Barcelona, Gerona, Tarragona en Fiveller.

In Tarragona werd een leergang van Esperanto voor policieagenten ingericht.

—Generaal Polavieja, voorzitter van het Roode Kruis, heeft op voorstel van kapitein Perogordo een bijzondere afdeeling voor Esperanto ingericht, en leert onze taal.

**RUSLAND.** — Een esperantische groep werd te Petersburg gesticht onder de studenten der keizerlijke school van boomteelt en een andere in het polytechnisch instituut.

**TRANSVAAL.** — Ten gevolge van een groote propagandavereeniging belegd te Pretoria door Dr Kleiner en Mevr. Spero, werd aldaar eene groep gesticht en een leergang van Esperanto geopend.

**VEREENIGD-KONINKRIIK.**— Onlangs werd te Londen de Britsche maatschappij der esperantische jongelingschap gesticht.

— De propaganda werd duchtig voortgezet te Barnet, Fulham, Oldham, Portsmouth, Battersea, Woodgreen, Bromley, Durham en vele andere plaatsen.

— Bijna al de Britsche groepen vierden den 50en verjaardog van Dr Zamenhof. De Esperanto bazar, waarvan het vorige nummer van B. E. gewaagde, heeft een zuivere winst van 1000 spesmiloj opgeleverd.

— De bekende Engelsche firma Burroughs Welcome and Co heeft in Esperanto eene prijslijst uitgegeven van de produkten, door haar vervaardigd. De brochuur draagt voor titel : Konataj medicinaj produktoj fabrikitaj de Burroughs Welcome and Co. Ĉefa oficejo : Snow Hill Buildings, London E, C. Anglujo ».

**ESPAGNE.** — Le 50me anniversaire du Dr Zamenhof a été fêté dans les principaux centres espérantistes de l'Espagne, entre autres à Barcelone, Gerone, Tarragone et Fiveller.

— A Tarragone on a ouvert un cours d'Esperanto pour les agents de police.

— Le général Polavieja, président de la Croix-Rouge, a fondé, sur la proposition du capitaine Perogordo, une section spéciale pour l'Esperanto, et apprend notre langue.

**RUSSIE.** — Un groupe espérantiste a été fondé à St Pétersbourg parmi les étudiants de l'école impériale d'arboriculture et un autre a l'institut polytechnique.

**TRANSVAAL.**— A la suite d'une grande réunion de propagande organisée a Pretoria par M. le Dr Kleiner et Mme Spero, on vient de fonder dans cette ville un groupe, qui a immédiatement ouvert un cours d'Esperanto.

**ROYAUME-UNI.** — Dernièrement fut fondée la société brittannique de la jeunesse espérantiste.

— La propagande est activement menée à Barnet, Fulham, Oldham, Portsmouth, Battersea, Woodgreen, Bromley, Durham et dans un grand nombre d'autres localités.

Presque tous les groupes brittanniques ont fêté le 50me anniversaire du Dr Zamenhof. Le « Bazar Esperanto » cité dans le numéro précédent de B. E., a produit un bénéfice net de 1000 spesmiloj.

— Le firme anglaise connue Burroughs Welcone and Co vient de publier, en Esperanto, un catalogue des produits fabriqués par elle. La brochure a pour titre : Konataj medicinaj produktoj fabrikitaj de Burroughs Welcome and Co. Ĉefa oficejo : Snow Hill Buildings, London E.C. Anglujo ».

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Internacia instituto de Esperanto.** — La Instituto estas oficiale aprobata de la 4 a universala kongreso por la kreo de normalaj lernejoj kaj internaciaj diplomoj.

Ĝi funkciadas de la jaro 1907 kaj organizis unuan serion da someraj kursoj en Chautauqua (New-York) dum 1908, okaze de la unua nacia kongreso de la nord-amerikanaj esperantistoj ; ĝi organizis ekzamenajn kunsidojn ĉe diversaj aliaj naciaj kunvenoj kaj ĉe la 5 a universala kongreso en Barcelono.

La gazeto « Esperanto » estas la oficiala organo de la instituto.

Ekzamenoj por tri diversgradaj diplomoj estas organizataj : I. Atesto pri studado (enskribo 2 Sm.), II. Atesto pri kapableco (enskribo 5 Sm.), III. profesora diplomo (enskribo 10 Sm.).

Por ricevi pliajn informojn oni bonvolu sin turni al la direkcio de l'Instituto, 10, Pont d'Arve, Ĝenevo (Svisujo).

— **Universala Studenta Unio.** Al la esperantista studentaro ni rekomendas partopreni en la « Universala Studenta Unio » kaj aboni ĝia organo *Akademia Penso*. La adreso de la redakcio estas : S-ro Jules de Bulyovszky, Budapest, VI, Nagymezö u. 12.

La reprezentanto de Belglando estas S-ro Simon Vatriquant, 10, rue Schmerling, Lieĝo, kiu plezure donos pliajn sciigojn.

—**Interkorespondado.**—La membroj de la novfondita esperantista grupo en Nový Bydžov (Bohemujo) deziras ekinterrilati kaj korespondi kun ĉiulandaj esperantistoj kaj volonte donos informojn pri la vivado, industrio kaj komerco de la bohema nacio.

Adreso : Esperantista klubo en Nový Bydžov (Bohemujo).

— Deziras ankaŭ korespondi :

S-ro V. M. Kuharcov, Kaŭkazo, St. Zabinskoja (Kubanskaja obl.), Krasnajo ul. d. 636.

S-ro Luciano Silva, R. Passos Manoel, 12 1° E. Lisboa, Portugalujo.

**Belga Ligo Esperantista.** — La *Ekzameno pri profesora kapableco* okazos la 8an de Majo, verŝajne en Bruselo.

La enskribprezo estas 4 Spesmiloj.

La samidean(in)oj, kiuj deziras partopreni en la *ekzameno pri kapableco*, sen didaktika parto, (enskribprezo 2 Spesmiloj), povas sin prezenti la saman tagon.

Pliaj detaloj pri ambaŭ ekzamenoj aperos en la Aprila numero ; ili estas haveblaj de nun ĉe la Prezidanto de la B. L. E.

xxxx

# LITERATURA PARTO

## *La fantomo de Delsuno*

DE

RENÉ VERMANDERE.

Antaŭ kelka tempo, la favore konata kaj tre ŝatata flandra literaturisto RENÉ VERMANDERE publikigis verketon sub la titolo « **Van Zon Zaliger** ».

Tiu libro, samtempe humorplena kaj filozofia, estis tiel favore akceptata de la flandra legantaro, ke post nelonge, la unua eldono estis elĉerpita.

En deksep ĉapitroj, la aŭtoro rakontas ĉion, kio okazis al la mortinta Sinjoro Delsuno (Van Zon), iu panisto el lia kvartalo, de la momento kiam tiu ĉi elblovis la lastan spiron, ĝis kiam la tombeja fosisto starigis la krucon sur lian tombon.

La verkisto, kiu neniam ion kredis pri spiritistaj fenomenoj, ian tagon kun amiko ĉeestis spiritistan kunvenon. Ekdorminte pro laciĝo, li restas sola en la kunvenejo. Subite li vekiĝas, kaj la fantomo de lia amiko aperas antaŭ li en la mallumo. Tiu fantomo rakontas sian tutan historion, pentras sian mortotagon kaj la diversajn tiutagajn okazintaĵojn, kaj faras sian propran funebran paroladon plenan je kritikoj pri la homaj agadoj. Ni ĉeestas interparoladon de la portreto de Delsuno kiel infano, tiu de Delsuno kiel junulo kaj de Delsuno kiel senvivulo, kuŝanta sur la mortlito ; ni vidas la diversajn amikojn, parencojn kaj konatulojn, kiuj vizitas Delsunon sur la mortlito. Tra iliaj paroloj kaj ploradoj aperas iliaj plej intimaj pensadoj. Intertempe Delsuno rerigardas sian tutan vivon , de sia unua juneco ĝis sia mortotago. Dum la nokto, la Kristo de la krucifikso faras kortuŝantan paroladon al la senvivulo. Poste sekvas konversacio inter Delsuno kaj lia ombro, kiu insistas por kuŝi kun li en la ĉerko. Tre emocianta estas la historio pri NENIES IDO, Peĉjo, trovitulo el najbara

vilaĝo, kiu iam estis la servisto de Delsuno, kaj venas por saluti Delsunon lastfoje kaj akompani sian iaman mastron ĝis la tombejo.

Dum la veturado al la tombejo, Delsuno tre filozofie pripensas multajn okazintaĵojn kaj faras flanksalton por rapide reiri hejmen, kie li deziras revidi sian vidvinon, sendube plorantan kaj ĝemantan sed, je la granda miro de Delsuno, jam tute konsolitan kaj tre indiferentan.

Fine Delsuno devas rapidi por ke li ne alvenu tro malfrue je sia propra enteriĝo. La lastaj ceremonioj okazas, kaj.... subite nia heroo elĵetas laŭtan krion, kiu vekas la verkiston ne sciantan ĉu li dormante revadis aŭ ĉu li efektive parolis kun la spirito de Delsuno.

La « Fantomo de Delsuno » estas tre rimarkinda kaj leginda libro. Ĝi enhavas strangajn detalojn, kuriozajn ideojn, profundajn esplorojn en la homa koro, kortuŝantajn paĝojn kaj humoregajn, fantaziajn rimarkojn.

Ĉi sube sekvas unu ĉapitro el la pritraktita libro (°) AM.

## NENIES IDO

Jam antaŭ ol la suno estis vekinta la laboremulon, kiu havis kiel unuan taskon fosi foson por mi, ankaŭ pro mi alia viro staris laboranta.

Mi forlasis mian kadavron kaj iris redoni al tiu viro la viziton per kiu li Dimanĉon honoris mian memoron.

Estis dolĉa nokto. Kviete ĉarmega, ĝi superis la plej belan el la tagoj. Ŝajnis al mi ke dum mi lasas min gliti tra la dolĉa aero, mi ĝuas iom la alian vivon.

Nenio en tiu mallumo timigis aŭ tremigis ; neniu sorĉistino ĵetis siajn sorĉaĵojn super la urbon, otuso silentis kaj vesperto restis kaŝata. Estis kvazaŭ la soleco de la malproksima erikejo, la majesta kvieteco de la arbaroj, kiuj sieĝas la krudan fortegon de la urbo, silente estis trapasintaj la remparojn kaj haltigis ĉian movadon.

Supre, la ĉielo rigardetis la kvieton de la tero per miljono da okuloj, kiuj palpebrumis kiel dormemaj infanokuloj. Forfluginte el ligiloj kaj premiloj, mi rigardadis la batalkampon kie mi tutan vivon militadis. Tie ĝi nun kuŝis, tiel kvietigita, kvazaŭ la lasta kunbatalanto estis pereinta flanke de la lasta malamiko. Ĉio ŝajnis nun tiel pacema, tiel frata, tiel senlime trankvila. La juĝisto dormetis flanke de sia leĝolibro kaj la batalestro dormis vestita per dormĉapo kaj lia orornamita frako plena je ordeninsignoj pendis al la vesthokaro. Tio estis la benita Dia ripozo, kiu daŭras tiel longtempe kiel la homaj infanoj ĉesas batali kaj interdisputi.

Tiom malmulte da vento spiris super kamparo kaj urbo, ke la tremolo eĉ ne vekiĝis. Ĉio dormadis ; eĉ la doloro kaj la deziro kuŝiĝis pro dormemo kaj la malsanuloj kaj malĝojigitoj ĝuis momenton da ripozo. La turo mem kun sia koko dormis ; kvazaŭ kontraŭvole la sonorilaro hakis la tempon

(°) **La Fantomo de Delsuno**, esperantigita de S-ro O. VAN SCHOOR, baldaŭ aperos kiel libro de pli ol 100 paĝoj kun originalaj gravurajoj. La prezo estos 2 frankoj (Sm. 0.80).

Oni bonvolu sendi mendojn kun la mono (postmandato aŭ Ĉefeĉa ĉeko) al la Centra Esperantista Belga Oficejo (C. E. B. O.), 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers).

en duonkvaronojn per nekunligitaj kantoj kiuj sonadis kvazaŭ laŭta revado.

Senmove, kvazaŭ maro de malfluidigita plumbo, kuŝis tie la dumtage tiel agema Skeldo, sangpropra ido de l'Oceano. Je la Flandra Angulo cent gaslumetoj traboris ĝian senmovan ebenaĵon, kvazaŭ por palpi ĉu ĝi ne estas mortinta.

Post la digo, proksime de la vilaĝa preĝejeto, apenaŭ pli granda ol domo, kamentubo de panbakejo kraĉis grandajn flokojn da nigra fumo en la stelumitan ĉielon.

Ĉirkaŭ tiu domo ĉio kuŝis ankoraŭ en la plej profunda ripozo, konfidema pri la akurateco de la venonta tago, kiu, sen ies enmiksiĝo, je fiksita tempo estus vekiĝinta. Eĉ la agitemaj birdoj dormis ankaŭ, kovritaj per sia dolĉa plumaro, kaj super la kamparo, la panfarejo de Dio, ŝvebis misteraĵo, plena je beno kaj paco.

Mi konis la viron kiu staris antaŭ la bakforno kaj, kun, doloro kaj malĝojo sur la kuntirita vizaĝo, purigadis miajn malnovajn ŝuojn, nune siajn.

Por alveni sufiĉe frue ĉe mian enterigon, la sole laboranta panisto kunigis du tagojn da laciganta laboro. Jam antaŭ la sunlevado li estis komencinta sian lundan taskon kaj apenaŭ kiam la ruĝa sfero subiĝis en la flandra poldero, lia marda laboro komencis ; dormi, tion la mizerulo faros, kiam unue li estos kondukinta sian eksmastron al la ripozejo. Tutkovritaj kiel infanoj, kiuj dormante devas kreski, la panoj kuŝis sur la bretoj.

Krom tiu nura, ĉio ankoraŭ ripozis en la kampara panfarejo. Ĉiu konfidis por sia ĉiutaga pano la laboremon kaj zorgemon de tiu viro. Nur la fajro estis al li helpema. La malbona detruema elemento bonvolis esti la servisto de tiu servisto, kiu al la memoro de sia mastro alportis tiun grandan oferaĵon.

Dio permesis al mi legi en la koro de tiu humilulo, kaj tiel mi sciiĝis ke li, starante tie kun la broso kaj ŝuo en la manoj, pripensadis mian kaj sian morton kaj esploris en sia penso ĉu iu por li preĝos aŭ malĝojiĝos.

Neniu, li pensis, kaj lia koro pleniĝis. — Freneze li ĉirkaŭrigardis la panfarejon kvazaŭ li nun unuafoje konstatis kiel sole li staras en la mondo. Ĉu li tie ĉi iun ĝojigis per sia alveno kaj ĉu li eble pensus ke la homoj estos pli malĝojaj pro lia perdo ol ili estis ĝojaj pro lia trovo !

En honto, bedaŭro kaj malĝojo li naskiĝis ; kun antipatio li estis nutrata kaj edukata. Ĉio kio lin ĉirkaŭis, la knedujo apud la muro, la ŝoveliloj kaj bretoj estis tie pli hejme ol li mem. Same facile oni lin anstataŭos, kiel iun ajn ĉiutage uzeblan ilon.

— Kial oni ne lasis min kuŝi, li sopiris, viŝante larmon el sia okulo. Tiom da fojoj la mizerulo estis farinta tiun demandon al Dio kaj al la homoj. Kaj nun, kiam la maljuneco

iom post iom alproksimiĝas, kun plia soleco kaj dum ankoraŭ pli malgajaj noktoj kaj tagoj li eĉ estus ĝin demandinta al la arboj laŭlonge de la vojo.

Kaj tio, kion mi dum mia vivo neniam estis supozinta, aperis nun klare kaj hele antaŭ mia spirito ; mi estis estinta la plej bona amiko de Petro. Multe pli kara mi estis al li, ol li estis iam al mi. Tiun honoron mi nemeritinte ricevis, doninte al li de tempo al tempo bonvoleman alparolon aŭ elmontron de intereso.

Kiom da malbono la aliaj homoj estis farintaj al li, tial ke mi, per tiom malmulte, meritis tiun altvaloran premion, la sindonemon de homa animo ? La kupra denaro, kiun mi donacis al la mizera vagulo, falis kvazaŭ ora monero en lian koron.

Patrino, pensis kelkfoje la forpelitulo, dum momento da deziro, patrino, kio tio povus esti ?

Tiel la blindnaskitulo premiĝas kaj turmentiĝas de la subite sprucanta deziro por vidi la nekonatan sunon. Neniam tiu varma suno de amo kaj zorgoj, patrina koro, por li leviĝis kaj pli bone estus por li, se, anstataŭ patrinon, li neniam estus havinta la lumon de siaj okuloj.

Kial tiu virino ne kunportis kun si lian fajreron da vivo dum la malhela nokto kiam ŝi metis sian propran sangon trovotan sub la florantan pomujon en la fruktĝardeno de la farmisto Steen ? Ĉu ŝia koro neniam puŝis ŝin al la loko kie ŝi forlasis sian infanon ?

De la tago kiam la trovitulo ekkonis la arbon sub kies floroj li estis forlasita, li konsideris ĝin kiel sian hejman domon. Tiom da vesperoj li venis tien ĉirkaŭvagi, kun la malhela espero tie renkonti « iun », same altiritan kiel li mem, sed kiu, ho ve, neniam estis aperinta. Kaj kiam la arbo falis, li estis ploradinta, kiel nun li ploris por mi, sia alia ankaŭ falinta amiko.

Ho, kiel mi bedaŭris ke mi ne estis irinta al la mizerulo, kiam ankoraŭ estis eble al mi montri al li amikecon ! Kiom mi plendis, ĉar mi iam ne etendis al li la helpeman manon, kiun li tiom bezonis ! Li estus fariĝinta homo kiel alia, se daŭrige ne estus mankinta al li ĉio kio lin povus helpi. De sia kvina jaro li perlaboris sian vivon kiel bovgardisto kaj de tiam li ne metis en sian buŝon pecon da ne meritita pano. Tiele li daŭrigis vagadi, neniam li estis atendata en amika hejmo, kaj, se li eksidis ie sur seĝon, estis kun la timema sento ke oni lin forpelos de ĝi.

Tion li obeeme suferis, kvazaŭ tio estis lia sorto, kaj pli kaj pli, li fariĝis homevitema. Li estus forkurinta el la lando, se ne estus ekzistinta tie tiu arbo, tiu fruktĝardeno, tiu ŝanceliĝanta espero, tiu revbildo kaj tiu deziro, kiu anstataŭ malfortiĝi iom post iom, jaron post jaro kreskadis kaj akriĝis.

Li evitis siajn similulojn kaj nur interrilatis kun humiluloj kaj malgranduloj. Lia koro plibone akordiĝis kun ilia infana

intelekto kaj neniel li ĉagreniĝis ĉar ili kuradis malantaŭ li por ricevi kapklinetan saluton, same kiel ili kuradis post la paroĥestro por ricevi krucsignon, kaj puranime ili kriis al li tion, kion li mem jam milfoje pensis kaj al si demandis : Kial oni ne lasis vin kuŝi, Peĉjo?

Nur unufoje li forlasis la vilaĝon por serĉi sian ekzistadon en la granda urbo. Li vagadis de mastro al mastro ĝis kiam mi dungis lin kaj fariĝis lia plej bona amiko, — ĉar mi agis kun li kiel kun homo.

Ĉu estas mirinde ke, ne prizorgata, ne amata, ne konata kaj forpelata, vera vagulo sur tero, li lernis la solan aĵon kiun oni instruis al li : drinki?

Tiu malbonaĵo, cetere, neniam estis malbonvena al la vilaĝanoj ; tial ili opiniis sin liberigitaj de ĉia kompato pri la drinkulo kaj eĉ la almozon de bona parolo oni povis nun rifuzi al li.

Dio scias kiom, en soleca animdoloro, li kontraŭbatalis tiun malĝojan emon. Sed kiu helpis al li sin levi? Kiu malebligis al li ree fali? Tiom da vesperoj li ploradis, kiel li nun faris pripensante ke li estas enterigonta la mastron, kiu kompatis lin kaj kiu toleris kaj senkulpigis lian malnovan pasion.

Ne li al mi, sed mi devis esti dankema al li, ĉar pro mia kompatemo pri lia malforteco, la granda Juĝisto estis ferminta siajn okulojn antaŭ miaj propraj kulpoj, kaj, ĉar mi ne estis ĵetinta la ŝtonon sur mian proksimulon, Dio akceptis min, mizeran pekulon, favore.

Ho, kiom da mizeruloj kuras ĉirkaŭ ni, ĉiam atendante tiun unuan parolon de amo, kiu pli multe pezos en la pesilo de nia eterna feliĉego ol ĉiuj eksteraj agadoj kaj kutimoj. Kial homo estas malkompatema al sia propra frato, kaj kial li krias *Racca* al li, kun Dion blasfemanta sento de propra laŭdado kaj senkulpigo!

Precipe starigi estas ami, kaj eĉ tiu, kiu estas forlasata kaj malkonfesata, restas tamen infano de Dio.

Dum tiu pensado kaj revado, la mizerulo forgesis la duan ŝuon. La tempo forflugis, kaj rapidege li devis enfornigi la panon.

Tiel okazis ke la fidela mizerulo paŝis malantaŭ mia kadavro kun unu purigita kaj unu nepurigita ŝuo. La personoj, kiuj tion rimarkis, murmuretis inter si kaj puŝis dekstren kaj maldekstren per la kubutoj, kaj montris ŝultrolevante al si la ŝuojn de Peĉjo. Poste ili atakis la aliajn malbonajn ecojn de la viro, kaj komparis kun ili sian propran honestecon kaj bonecon. Pri kio estis bona en la humilulo oni silentis, nur juĝante lian karakteron laŭ la nepurigita ŝuo. Lian doloron eĉ oni aljuĝis al la drinkemo. Ĉu tia homo havis la rajton ploradi?

Ho, kiom ili estus estintaj surprizitaj kaj humiligitaj, se ili estus vidintaj la belan anĝelon kiu kolektis en oran kalikon la larmojn de la trovitulo!

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro, esperantigis

OSCAR VAN SCHOOR.